2.ª Ep. AÑO VII N.° 38 (174) JULIO - AGOSTO 1969 EXTRAORDINARIO



DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 29ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Grupo de partoprenantoj en la 29ª, antaŭ la Kongresejo

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA
Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA
Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA
Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3 - 1
BARCELONA - 14
Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: n.° 17917, Banco de Bilbao
ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## De Secretaria

Como todos los años, se ha celebrado durante el Congreso, y en la fecha anunciada oportunamente, la Junta General Ordinaria de la Federación Española de Esperanto.

Este año los temas que figuraban en el "orden del día" eran de mayor trascendencia que otros años para el futuro de la Federación, por ello, ya antes del Congreso, se convocó a una reunión con la Directiva, a todos los Presidentes de los Grupos.

Los días 5 y 7 de julio se celebraron en La Laguna las sesiones de trabajo de la Directiva con los Delegados de Grupos y Secciones de la Federación, preparatorias a la Junta General; en ellas, la Secretaria expuso la situación de la Federación y la necesidad de elevar las cotizaciones si se han de seguir desarrollando todas las actuales actividades de la misma. También propuso la Secretaria como posible solución para disminuir gastos, la reducción de las páginas de BOLETIN, a lo que en principio era; solución que no fue aceptada.

Los acuerdos de la Junta General —después de ser aprobadas el acta de la Junta General anterior y la Memoria anual—, fueron los siguientes:

ASUNTOS DE TRAMITACION:

30 *Congreso Español de Esperanto.* Se acordó la celebración del mismo en Mieres (Asturias).

*Fundación ESPERANTO.* — Se aprobó el Patronato que ha de regir la Fundación y que fue nombrado por la Directiva de la Federación con arreglo a los Estatutos de la Fundación.

RENOVACION DE CARGOS:

Se acordó el traslado de la sede de la Federación Española de Esperanto a Madrid, y el nombramiento de don Angel Figuerola Auque para ocupar el cargo de Presidente de la misma.

La renovación de cargos y traslado de la sede de la Federación se efectuará a 1.° de enero de 1970. Para la renovación de los restantes cargos, oportunamente se enviarán las candidaturas de los señores que han de sustituir a los señores Vicepresidente, Secretaria, Vicesecretario, Tesorera y Vocales a los que corresponda cesar.

REAJUSTE DE COTIZACIONES:

Se acordó que la cotización anual de miembro abonado sea de 150 pesetas, con lo que automáticamente pasan a ser de 75 pesetas la de miembro numerario y de 300 pesetas la de miembro protector.

Para los miembros de la Sección Juvenil la cotización ha quedado fijada en 100 pesetas.

Todos los acuerdos fueron tomados por unanimidad. Así como por unanimidad se acordó el nombramiento de Presidente Honorario de la Federación, al actual Presidente efectivo, Excmo. Sr. D. Miguel Sancho Izquierdo.

RUEGOS Y PREGUNTAS:

Durante los ruegos y preguntas, que fueron muy animados ,el Presidente y la Secretaria de la Federación dieron cuenta de las actividades de la misma y de los asuntos relacionados con la enseñanza y turismo, que tienen planteados en los Ministerios correspondientes, así como de las gestiones que llevan realizadas, lo que sirvió de base para las conclusiones del Congreso.

*Inés GASTON*

# Fundación «Esperanto»



Una de las grandes alegrías que la providencia de Dios nos ha deparado a quienes regimos la Federación en estos últimos tiempos, ha sido dejar ya en marcha —independiente de la Federación, pero unida a ella en la persona del Presidente que por tiempo fuere— la Fundación «ESPERANTO».

Se la debemos, y no sólo ya la **«estraro»** de H.E.F., sino todo el esperantismo español **—«la tuta hispana esperantistaro»—**, a la generosidad y magnanimidad de los esposos Pedro Casanovas y Elisa Ferrándiz, quienes, amantes del Esperanto, demostraron ese amor hasta el fin de sus días, haciendo un importante legado. Y fue entonces, cuando surgió la necesidad de constituir una Fundación benéfico-docente para poder recibir íntegros y dedicar a los fines perseguidos por los donantes, no sólo este importantísimo legado, sino también los legados y donativos que, pequeños o grandes, según las circunstancias de cada uno y sus posibilidades, esperamos hagan otros esperantistas.

No queremos terminar estas líneas sin hacer mención de lo que para el logro de todo esto han supuesto los desvelos y el interés de don Miguel Sender, heredero de confianza de doña Elisa Ferrándiz, al morir ésta, viuda ya, antes de estar constituida la Fundación, pero, sobre todo, sin pedir a todos los esperantistas un piadoso recuerdo y a los católicos una oración por las almas de estos esposos Casanovas-Ferrándiz que supieron ser esperantistas y amantes del esperanto hasta el fin.

Miguel SANCHO IZQUIERDO

**Presidente de H. E. F.**

# S T A F E T O

LA TEMPESTO de William Shakespeare, traducida por Kálmán Kalocsay, es la obra que, con la marca STAFETO, hará el número 75, de las editadas por J. Régulo.

Hace tan sólo cuatro años que en las páginas de BOLETIN, con motivo de la aparición del 50 volumen, se dedicaba un pequeño homenaje de admiración y respeto a este hombre que, con tesón y entrega, había colocado la marca STAFETO a la cabeza entre las marcas de editoriales esperantistas.

Hoy es el volumen 75 el que está a punto para salir de la imprenta. No vamos aquí a repetir todo lo que de la labor de don Juan Régulo se dijo hace cuatro años. La Directiva de H.E.F., consciente de todo lo que le debemos, tuvo interés de que el Congreso de este año se celebrase en La Laguna, para que todo él fuera como un homenaje de respeto y cariño a quien con su labor tanto prestigia al movimiento esperantista, enriqueciendo su literatura. En el acto de inauguración de la Exposición Bibliográfica Esperantista, el Presidente de la Federación, doctor Sancho Izquierdo, hizo entrega al señor Régulo Pérez de un pequeño obsequio, como testimonio del agradecimiento de la Federación Española de Esperanto.

Y ahora es el momento de que todos se adhieran a este homenaje adquiriendo alguno o algunos de los ejemplares de Stafeto que están a vuestra disposición en Libroservo de H.E.F. Son ya varias las obras editadas bajo la marca STAFETO que están ya agotadas, no os dejéis perder las que todavía quedan; en página aparte aparece una relación de las existentes.

*Red*

## PREMIO «COMELLA-BASSOLS» DEKUNUA KONKURSO

A) La aŭtoro de la plej bona gaja rakonto, en Esperanto, ricevos 2.000 pesetojn.

B) Kaj 1.000 pesetojn por la dua plej bona.

*REGULARO*

1.ª La Konkursaĵoj ampleksu po 2.000 - 3.000 vortoj.

2.ª La Konkursaĵoj nepre estu tajpitaj kaj senditaj po 4 ekzempleroj.

3.ª Oni skribu sur ĉiu rakonto pseŭdonimon por kaŝi la identecon de l'aŭtoro, kaj —en aparta koverto— sian nomon kaj adreson kun la pseŭdonimo.

4.ª La Juĝa Komisiono (laŭ testamento de S-ro Jacint Comella, kreinto de la Premio) konsistas el ekterlandaj kaj katalunaj samideanoj, membroj de U.E.A.

5.ª La konkursa kotizo por unu aŭ pluraj rakontoj estas 10 pesetoj por Hispanujo kaj 4 steloj aŭ 3 respondkuponoj por eksterlando. Por landoj nepagipovaj la konkursado estas senpaga.

6.ª Kiam publikiĝos la Verdikto ankaŭ publikiĝos la nomoj de la juĝintoj.

7.ª La limdato por ricevo de konkursaĵoj estas la 30-a de Septembro de 1969.

Oni sendu ĉion al jena adreso:
Por la Konkurso, Premio COMELLA - BASSOLS.
S-ro Francesc Vilá, Sekretario.
KLUBO AMIKOJ DE "UNESKO"
Lauria, 12, 1.ª
BARCELONA (10)
Hispanujo.

# Nia 29ª Nacia Kongreso en La Laguna (Tenerife)
# 5ª - 10ª de Julio 1969ª

Raportonte pri nia 29-a Kongreso, mi volas iel, antaŭparole, atentigi la legantojn pri la simileco inter kongreso kaj printempa rozo: Rozo ne aperas spontane, ĝi estas rezulto de ĝardenista zorgado, komencita jam en vintro per prifoso, sterkumo, akvumo, pritondo kaj eĉ kontraŭinsektaj ŝprucigoj. Ankaŭ niaj kongresoj ne memaperas, sed rezultas el tutjara transkurtena agado de la Loka Kongresa Komitato kaj la Direktantoj de la Nacia Asocio. Vidante rozon ni ĝenerale admiras ĝian belecon kaj ne imagas la supre diritan preparlaboron. Kongresante, ni ĝenerale ĝuas la aranĝojn, sed ne pensas pri la peniga, tutjara, serioza antaŭlaboro de tiuj personoj, kiuj per sia laboremo, entuziasmo kaj prestiĝo efektivigis la belan floron, kiun ni nomas Kongreso.

Pro justemo mi insiste memorigas al ĉiu kongresano, ke la kongrestaskoj komenciĝis al kelke da homoj pli frue, multe, multe pli frue ol je la 5-a de julio. Dankon tre koran al ili!

*La 2-an de julio*

Matene, antaŭ la Oficejo de IBERIA, placo Cánovas del Castillo, aperas unu post alia, kun ia ĝoja surpriziĝo malgraŭ laca mieno, la venintoj el diversaj partoj de nia lando. Ankaŭ el Francujo Svisujo kaj Svedujo venis al nia kongreso samideanoj. Ni ope per buso veturas al flughaveno, de kie —la vasta svarmejo de la moderna mondo— ni ekflugos al Tenerife, je la 10-a h.

Zumegas, ekkuras, kuregas la aviadilo kaj baldaŭ vidiĝas sub ni, profunde, bela mozaiko el kulturaĵoj, montoj, valoj kaj riveroj; iom post iom blankiĝas la panoramo, kiu impresas kiel senlima maro el pufa vato sternita sub ni tiel, ke ni preskaŭ ne konscias ke ni flugas dek mil m. alte!

Post tri horoj ni atingas Tenerifon, kie pluraj samideanoj ĝoje bonvenigas nin. Ni do jam troviĝas sur insulo, meze de vasta maro. De nun preskaŭ ĉio estos iom alia al ni, ĉar la Kanariaj Insuloj ja estas aparteta mondo. Tie ni restis malpli ol unu horo. Je la 13-a parto el ni jam reflugas al La Palma por alveno post 25 minutoj. La dua parto sekvos, ĉar la interinsulaj aviadiloj estas ne sufiĉe ampleksaj por nia nombro; tio senordigetas nian iron, sed ĉar ni bone memoras ke nenio en la mondo estas absolute glata, ni preteratentas la fakton, kaj efektive, ĉio tuj revenis en ordon.

Preskaŭ ne dorminte dum nokta veturado; alte fluginte kaj refluginte ni sentas ripozemon, kaj malgraŭ la sopirego rigardadi la —por ni— novan aspekton de tiu aparta mondeto, pluraj el ni post vespermanĝo enlitiĝis en Hotelo Mayantigo, kie ni gastos.

*La 3-an de julio*

La Turisma Fako de Hispana Esperanto-Federacio uzis la servojn de vojaĝagentejo Meliá por la vojaĝoj kaj ekskursoj antaŭ kaj postkongresaj tra la insuloj La Palma, Tenerife kaj Gran Canaria.

Hodiaŭ ni ekskursas la tutan tagon al kaj ĉirkaŭ la suda parto de insulo La Palma, ĝis Caldera de Taburientes (Kaldrono de-) la plej granda kratero



**Esperantistoj ripozas en tipa angulo de Sta. Cruz de la Palma**

en la mondo, kiun oni proklamis Nacia Parko. Proporcie je sia vasteco (nur 728 km²) La Palma havas la plej altajn pintojn en la mondo. Mi neniam antaŭe veturis tiel longe sur tiel kurbohava vojo, kiu kvazaŭ neimageble granda, monstra serpento, tordiĝas dekstren kaj maldekstren konstante, bate balancante nin de unu al alia flanko por ke ni vidu altegajn montojn kaj kapturnigajn profundaĵojn senĉese en varia ĉiam renoviĝanta kalejdoskopa bildaro. Ni povis preni specimenojn de la lafo vomita de vulkano San Juan en j. 1949-a. Lafo kaj lafo spongeca kaj malmola preskaŭ ĉie, abunde, larĝe, vaste, riverforme. Sur ĝi preskaŭ neniu vegetalo prosperas. Aliloke vidiĝas tuta monto el nigra malsubita sablo —speco de pistita lafo— kiun oni uzas por ŝosepavimado, por mortero kaj morterbrikoj. Sur tiaj montoj nenio kreskas.

La Palma estas insulo de kontrastoj. Apud tiuj senarbaj montoj staras aliaj kun densa arbaro, sed, jen kurioza konstato, tie neniu birdo pepas, neniu cikado ĉirpas, neniu insekto zumas. Tuta, malkutima senbrueco preskaŭ timiga, ĉar silento kaj morto estas parencoj. Tie, la moviĝema, banala fluido nomata akvo, kvintesenco de ĉio vivanta, kiun ni senrespekte ofte malpurigas, videble ne fluas nek ŝprucas eĉ nek stagnas.



«La Galga»

La kanarianoj zorge administras la akvon. Eĉ ne unu guto perdiĝas, eĉ ne unu solan elsuĉas la trinkema suno. Tie la akvo fluas ĉien, kaŝite kiel la sango en niaj vejnoj, tra kilometroj da grandaj aŭ malgrandaj tuboj. Ĉar la pluvakvo kolektata per baroj ne sufiĉas, oni boras en intermontoj putojn cent-ducent metrojn profundajn ĝis la altegaj montoj, kaj de tie en la tubojn.

Ni vidis unuafoje la bananujojn, kies "ora pano" estas la ĉefa insulriĉaĵo. Ni vidis de supre la plej fantastan panoramon. Kiel senlime, vaste etendita verda tapiŝo, la bananujoj okupas jen apudmaran ebenaĵon, jen la ŝtupigitajn montflankojn ĝis ĉ. 400 metra alto. Ni ĝuis tie la plej ripozigan silenton. Ni spertis apud tiuj krutegaj montoj, ŝajne senfine altaj, la plej emociigan impreson. Ni pensas, ke eble estas malsanecaj emocioj tiuj de sur la kinejekranoj; kaj, kiam per iom da imago ni provas rekonstrui la historion de la vulkana konsistiĝo de tiu —laŭ homa grando— senmezure alta insulo, ni hontas je nia eĉ ne mikroskopa grandeco.

Dum reveno al nia hotelo, ni admiras de Buenavista, rara belvedero, la tiel nomatan Caldereta (Kaldroneto) kiun mi nomus "KaldronEGo" kun majuskloj; kaj serpentumante ĝis malsupre, apud la haveno, mi konstatas ke la konksimilan malplenon de tiu montvizaĝo ĉirkaŭas altaj pintaj montoj, kvazaŭ ili estus la pintoj de kolosa krono reĝe sidanta ĉirkaŭ la kapo de la majesta La Palma.

*La 4-an de julio*

Laŭ la antaŭkongresa programo aranĝita de la Turisma Fako de Hispana Esperanto-Federacio, ni iris hodiaŭ viziti la nord-orientan parton de La Palma, ĝis urbo Los Sauces (La Salikoj) je 32 km. Cent metrojn da rekta ŝoseo ni ne trovis, nur estas kurboj kaj kurboj kiuj klinigas nin en la buso de unu al alia flanko konstante. Nur profesia stiristo povas riski tie ioman rapidecon. La krutaj profundaĵoj kaŭzas al veturantoj naturan ektimon. Tie, nord-oriente la panoramo estas tute alia ol sud-okcidente. Tie la arboj dense kreskas. Tie la akvo eĉ fluas. Tie kantas birdoj, zumas insektoj kaj ronde dancas papilioj. Tie, profunde, vasta sternaĵo el bananujoj, kaj sur la deklivaj flankoj, ŝtupforme faritaj bedoj kie staras bananujoj. Kiom da laboro faris niaj praavoj! Per ŝtonoj ili faris murojn tenantajn la teron de negran-

daj ebenoj, kaj sur ili en lokoj danĝere alireblaj pompas la sinjorinecaj bananujoj.

Nigran lafon hodiaŭ ni ne vidis. Ĉio spiras pli vive. Jen estas la arbaro "Los Tilos" (La Tilioj) rava paradizeto kie freŝa atmosfero, kvieteco kaj ĉarmo loge invitas plu restadi en ĝi. En loko nomata "La Galga" ni traveturis tunelon kaj de sur longa ponto antaŭ ĝia faŭko, ni gapis super la profundega intermonto. La fotiloj ne haltis ĉar oni volis ĝui kaj reĝui en venonta tempo la bildon de tia grandiozeco. Apud Espindola, en bela apudmara naĝejo pluraj kunveturantoj banis sin. En "Los Sauces" ni haltetis kaj pli poste ni vizitis la preĝejon "Virgen de las Nieves" (Virgulino de la Neĝo) patronino de la Insulo; kaj nove sur tre serpentuma vojo ni reveturis al hotelo por aviadile iri al Tenerife, kien ni alvenis ĉ. la 18-a h. kaj 30 m. post 25-minuta flugo. Post la vespermanĝo en Hotelo Park, ni havis agrablan surprizon: Nia kongresano S-ro José Andrés Clariana Laborda abunde regalis nin per ĉampano kaj kafo, pro la datreveno (hodiaŭ) de la naskiĝo de sia filineto. Gratulon al simpatia amiko!

*La 5-an de julio*

Post tiom da antaŭa veturado ni venis fine al la celo, la Universitato de La Laguna, kie jam de la 9-a horo simpatiaj gejunuloj deĵoras por informi, liveri la kongresdokumentojn, enskribi por vizitoj, bankedo, vendi librojn k.t.p. Je la 12-a h. 30 m. okazis la Solena Inaŭguro.

Prezidis la Rector Magnífico, Lia Ekscelenca Moŝto Prof. D-ro Jesús Hernández Perera; dekstre de li sidis la urbestro de La Laguna, Advokato Francisco Marcos Hernández; maldekstre la honora Rector Magnífico de Zaragoza, Lia Ekscelenca Moŝto Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto de H.E.F.; kaj sinsekve la Comandante Militar de La Laguna, Kolonelo Maximiliano Díaz López, kiu reprezentis la Capitán General de Canarias kaj la Gobernador Militar de Santa Cruz de Tenerife; la Vicario General Kanoniko Hilario Fernández Mariño, kiu reprezentis la Episkopon, tiam forestantan; la Delegado Adjunto de Información y Turismo de la Provinco, Advokato S-ro Ofelio Rodríguez Peña; la Delegado Provincial de Sindicatos, S-ro Luis Cuesta Giménez; la



**Parto de la Prezidantaro dum la Solena Inaŭguro**

Rector Magnífico de La Laguna reprezentis krome la Prezidanton de la Cabildo Insular de Tenerife; S-ro Prof. D-ro Eulogio Alonso-Villaverde y Moris, Ĝenerala Sekretario de la Universitato; Prof. D-ro Juan Régulo Pérez, Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato kaj S-ro Prof. D-ro Jesús Maynar Duplá; S-ro Prof. Elías Serra Rafols, honoraj kongresanoj.

Per konciza, sobra, sed realeca paroladeto, la Prezidanto de la L.K.K. Profesoro Juan Régulo prezentas la nunjaran signifon kaj manifestiĝon de nia movado, kaj per siaj vortoj estigas etoson de nepra seriozeco. Sekve Lia Moŝto Prof. Miguel Sancho Izquierdo prelegis hispanlingve:

Unue li dankis al ĉiuj aŭtoritatuloj la honoron kiun ili faris al nia Kongreso per siaj prestiĝaj nomoj en la Honora Komitato, kaj kiun ili faras nun ĉeestante persone aŭ per reprezentanto, nian Solenan Inaŭguron.

Poste li esprimis sian ĝojon pri tio, ke ne plu estas necese forpeli fantomojn nek spiti mokantojn, kiam oni parolas pri Esperanto; oni povas renkonti, eble, indiferentecon; ofte nesciecon; sed preskaŭ ĉiam oni konsideras ĝin tre serioze.

Esperanto estas la plej bona lingva rimedo por homa interkomunikiĝo; sed krome ĝi estas literatura lingvo, kaj super ĉio, ne nur portilo de ĉia ideo, sed ĝi mem estas mesaĝo de paco kaj amo inter la homoj.

Koncerne la unuan punkton, Prof. Sancho Izquierdo atentigas ke Esperanto havas la neprajn kondiĉojn por sia celo, ĉar ĝi estas lingvo *viva, neŭtrala* (ĝi do en neniu lando vekas suspektojn), *facile lernebla* kaj kun tia fonetiko ke ĝi *egaligas la prononcadon,* kiu ajn estas la nacieco de la parolanto.

Pri la dua punkto li aludas la grandan kvanton da verkoj eldonitaj en Esperanto, ĉu originalaj, ĉu tradukitaj, kaj citas la eminentan laboron efektivigitan de D-ro Régulo Pérez per sia eldonejo Stafeto.

Fine Esperanto kunportas ideon de paco kaj amo; de tiu paco, kiun tiel multe bezonas la mondo, kaj kiu povas baziĝi nur sur la amo; ne sur la timo al milito, kio efektive malhelpas nun la eksplodon de nova mondmilito.

Prof. Sancho Izquierdo pruvas, kiel la idealo de amo kaj homa frateco gvidis D-ron Zamenhof elpensi la lingvon, kion konfirmas la fakto, ke jam en la jaro 1903-a en Genevo, li deklaris per aplombaj vortoj, ke la homa frateco estas la esenco de Esperanto.

Varma aplaŭdo premiis lian interesan paroladon.

Niaj eksterlandaj samideanoj salutis la Kongreson nome de siaj asocioj.

Sekvis bonvenigaj vortoj de Lia Rektora Moŝto Jesús Hernández Perera, kiu per sincera, esperantisteca paroladeto kuraĝigis nin kaj deziris al ni sukceson en nia entrepreno. Li deklaris la Kongreson inaŭgurita.

Je la 16-a h. okazis la unua laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun grupdelegitoj. La meso kun prediko en Esperanto, laŭprograme okazonta je la 18-a h. bedaŭrinde ne povis okazi pro neĉeesto de esperantista pastro. Tial nombraj homoj ne povis konstati mem ke Esperanto vivas, rekte el pastra parolo. Je la 19-a h. 30 m. estis inaŭgurita la Ekspozicio de Esperanta Bibliografio en la Ekspozicia Salono de la Ŝparkaso de Tenerife, La Laguna, str. Obispo Rey Redondo n.º 15.

Jen prestiĝa ekspozicio! Novaj, valoraj libroj, originalaj kun tradukoj en



**Nia sveda samideano S-ro. Olle Olsson salutas la Kongreson**

La vizitantoj favore komentas la interesegan Ekspozicion



plurajn lingvojn, gazetojn aperantajn... Ĉio en bela, harmonia prezento. Komparante ĝin kun tiu okazinta en Zaragoza antaŭ pluraj jaroj, mi asertas ke ili ambaŭ estis la plej bonaj, la plej efikaj kiujn mi vizitis. Gratulante la aranĝintojn mi certigas al ili, ke neniu skeptika gravulo vidinte tiom da faktoj povis eliri sen ia konvinkiĝo. Faktoj estas rokoj!

Dum la inaŭguro H.E.F. omaĝis Profesoron Juan Régulo Pérez, kiu jam 75 verkojn eldonis en Esperanto. Li ricevis de la Direktantoj de nia Federacio, artan surtablan lampon kun gravurita dediĉo. Ni scias, kiel simpla kaj modesta li estas; sed mi opinias justa la omaĝon al homo, kiu tiel grave kaj pozitive klopodas por Esperanto.

*La 6-an de julio*

Antaŭtagmeze, kun iom malafabla vetero okazis la Regiona Folklora Pilgrimo al Sankta Benedikto, Patrono de la Tenerifaj kamparanoj. En la bele presita festprogramo ni trovas tutan paĝon en Esperanto dediĉitan al ni. Dankon al Festkomitato pro la simpatio al nia afero!

Longa, daŭra pilgrimado, varia, tradicia, brila, kolora, viva. Muzikistoj kaj muzikantoj, ornamitaj pezaj ĉaroj tirataj de bovoj, gedancantoj, kameloj... Sur la ĉaroj, eĉ fajrujoj kun rostiloj kaj fumanta viando. Oni manĝas aŭ interĵetas terpometojn kuiritajn en sala akvo, aŭ bulojn el "gofio", tiu kanaria farunaĵo; oni trinketas ofte, oni kantas; abundas gitaroj, kaj unutone sonadas la frotoj kontraŭ vico de entranĉoj faritaj sur kanpeco, tiu kurioza kaj nerafinita muzikilo. Sekvas ŝafoj, muloj, tamburinoj, korboj kun fruktoj, cerealoj, kastanjetoj klakantaj, gajaj mienoj, junulinoj —multaj!— kun longaj jupoj multkoloraj kaj la klasika pajla ĉapeleto kline fiksita sur la kapo...

Sidante sur la seĝoj afable disponigitaj al ni de la Festkomitato, ni la eksterteneriFaj esperantistoj povis oportune rigardadi la preteriron aŭ preterfluon de tiu gaja, vivplena, multelementa, ŝajne senfina kanaria rubando.

Vespere, kun kelkaj samideanoj, mi havis profundan emocion: Mi havis en manoj krom aliaj dokumentoj la lastan leteron, kiun Zamenhof estis skribanta. Mi ne diris *skribis*, ĉar li ne povis fini ĝin pro malbona farto. La lasta vorto de tiu krajona skribaĵo estas la lasta de la Zamenhofa mano. Ankaŭ de lia frato Leono ni legis la unuan leteron, per kiu li priskribis la lastajn momentojn de sia frato. Estas preskaŭ neimageble: En Polujo mi staris antaŭ la loko, kie Zamenhof naskiĝis, antaŭ la tombo, kie li ripozas, kaj nun, post dek jaroj, mi tuŝis kaj legis lian lastan skribon!

*La 7-an de julio*

Je la 9-a h. okazis la dua laborkunsido de H.E.F. kun delegitoj de grupoj. Unu el la temoj estis la kotizo, kies nuna grando ne sufiĉas por normala funkciado de la Federacio. Pri tio raportos nia sekretariino F-ino Inés Gastón.

Je la 12-a h. Prof. D-ro Juan Régulo Pérez prelegis en Esperanto pri la temo

## EDUKISTOJ KAJ ESPERANTO

(*Resumo de la prelego, kiun faris Prof. J. Régulo la 7-an de julio*)

Celo de la prelego estis montri vojon al realisma agado por Esperanto, sed tamen sen rezigno pri la idealismo, kiun la Movado ĉiam kunportis. Tiucele Prof. Régulo unue revuis la gravon de kongresoj por esperantistoj, ĉefe en internacia kadro, sed samtempe substrekante la signifon de la t.n. naciaj aŭ landaj kongresoj. Konekse kun tio li parolis pri la signifo de la vorto *esperantisto*, kies semantiko estas ankoraŭ nepreciza, ĉar dum por multaj ĝi ampleksas eĉ homon, kiu simple simpatias la ideon pri mondlingvo kaj ĝin apogas nur per mondonaco aŭ simpla kotizado en klubo, por aliaj *esperantisto* estas nur homo, kiu normale bone regas la lingvon kaj aktive partoprenas la disvastigon de la Movado. Poste li konstatis, ke la idealisma flanko de la nunaj esperantistoj konsiderinde malkreskis en komparo kun tiu de niaj antaŭuloj; sed kontraŭe la nombro da kompetentaj aktivaj esperantistoj neniam antaŭe estis tiel granda kaj kun tiel alta respondecosento kiel nun. El tio, li konkludis, ke ni devas strebi disvastigi Esperanton per rimedoj iom malsamaj ol tiuj, kiujn oni iam uzis kaj oni nun praktikas por krei amasmovadon.

En la daŭrigo de sia prelego, Prof. Régulo analizis ideojn, kiujn oni elvolvis dum la lastjaraj lernejaj konferencoj, unu el kiuj li mem partoprenis en Graz (Aŭstrujo), kaj venis al la konkludo, ke necesas ĉefe labori inter edukistoj kaj inter edukaj aŭtoritatoj, sen malzorgi paralelan politikan agadon en edukistaj, parlamentaj kaj registaraj rondoj kaj komisionoj. Tiurilate li memorigis la elpaŝojn de Prof. Dazzini kaj kunlaborantoj en Italujo, kiujn, en la nunaj cirkonstancoj, li konsideras vere korektaj kaj laŭpove imitendaj en aliaj landoj. Laŭ tiu plano la instruado de Esperanto en ĉiuj lernejoj, sed provizore pleje en la mezaj kaj superaj lernejoj (seminarioj, liceoj, universitatoj kaj similaj institutoj), devas esti nia ĉefcelo. Inter la edukistoj troviĝas unu el la ŝlosiloj, eble la ĉefa. Aldone Prof. Régulo sin etendis sur la antaŭkondiĉoj, kondiĉoj kaj sekvaĵoj de tiu agado, por fine montri, ke se iam, kiel nun planas niaj italaj amikoj, la instruado de Esperanto estos enkondukita de parlamentoj, leviĝos tia problemo, ke neniu privata organizaĵo, nur registaroj, povos ĝin kontentige solvi.

Nun Prof. Régulo pluiris en sia analizo kaj venis al la maniero, kiel prepari instruistojn por dece alfronti la taskon instrui Esperanton ĝenerale, kaj li konkludis, ke necesas enigi Esperanton en universitatojn, geinstruistajn seminariojn kaj aliajn lernejojn, kie la edukistoj sin formas. Sed, li aldonis, tio estas unu el la plej malfacilaj taskoj, kiujn la esperantistoj povas sin proponi. Laŭ propra sperto, kiel profe-



**D-ro. Regulo klarigas sian vidpunkton pri la temo traktata**

soro de Esperanto en la Instituto pri Lingvoj de la Universitato de La Laguna, li scias, kiel preskaŭ senespere malfacile estas atingi unue provizoran aŭ provan periodon, poste oficialan starigon de katedro aŭ similaĵo kaj fine normalan ekiron de la instruado. En Hispanujo nur La Laguna havas tiun instruadon, kaj ĝi sukcesis dank' al vere specialaj cirkonstankoj, kiujn la lokaj esperantistoj sciis lerte elprofiti. Prof. Régulo aldonis, ke, laŭ lia scio, en neniu universitato de la mondo nun estas katedro de Esperanto, kiu povas doni la superajn titolojn Licenciito kaj Doktoro pri Esperanta Filologio; sekve en universitatoj al ni mankas ankoraŭ multo por veni al la fina celo. Ĝis nun ni atingis nur la eblon instrui la lingvon kaj samtempe ĝeneraltrajte klarigi la historion de la Movado kaj iom analizi nian literaturon, ĉefe nian originalan literaturon. Tio okazas en la plimulto de la universitatoj, kie lektoroj, docentoj, ŝarĝitoj pri kursoj aŭ similaj komisiitoj, laŭ la cirkonstancoj de ĉiu lando, povas aktivi. Tiurilate Prof. Régulo emfazis, ke en Hungarujo Esperanto jam akiris sur universitata nivelo la rajton esti unu el la komplementaj aŭ elekteblaj lingvoj por filologiaj fakultataj diplomoj kun indiko de Esperanto sur la diplomo samnivele kiel la ceteraj samkategoriaj lingvoj. Li emfazis ankaŭ, ke tiuj laboroj estas tre gravaj, ĉar ili estas la nepraj antaŭkondiĉoj, la necesaj antaŭpreparoj cele al la atingo de la plej alta ŝtupo en la universitata laboro: la instruado kaj la paralela esplorado sub la ŝirmo de sendependa katedro rajtigita eldoni ĉiujn universitatajn titolojn ĝis inkluzive D-ro pri Esperanta Filologio.

Sed por estigi spiritan atmosferon, en kiu tiu movado por eniri la edukistajn rondojn povu flori, necesas, ke la landaj, regionaj, lokaj asocioj kaj organizaĵoj esperantistaj konsciu la gravecon de la temo kaj ĉiel kunhelpu al ĝia plenumo. Prof. Régulo substrekis, ke per tio li ne volas subtaksi la gravecon de la ĝenerala propagando, kiun li ankaŭ konsideras nepre necesa, sed ke ni neniel devas neglekti, sed, kontraŭe, ĉiam pli konscii, ke nur se ni unue sukcesas inter edukistoj, poste ni definitive sukcesos, kaj ju pli celkonscie kaj per ĉies fortoj ni agos en la ĝustan direkton, des pli baldaŭ ni alvenos al la celo.

Kiam ni estos atingintaj tiun superan stadion de universitataj katedroj samrangaj kiel kiuj ajn aliaj sur la filologia kampo, tiam ni povos proponi al parlamentaj kaj registaraj edukistaj komisionoj bone fundamentitan ekspertizon pri la signifo kaj gravo de Esperanto, kaj ni ne riskos, kiel jam okazis, ke ekspertizoj de lingvistoj kaj profesoroj, kiuj ne sufiĉe konis nian lingvon kaj nian Movadon, aŭ kiuj havis malracian antaŭjuĝon kontraŭ ĝi, provizore ruinigis niajn ŝancojn eniri universitatojn kaj aliajn superajn lernejojn. Jam de jaroj ni komencis serioze ŝtopi tiun breĉon, por kies ŝtopo unue kunlaboris la fakaj revuoj "Es-



**La Urbestro de La Laguna, salutas la kongresanojn dum la akcepto en la Urbodomo**

perantologio" kaj nun "La Monda Lingvo-Problemo", kiel ĉefaj organoj, apud monografioj, kiuj ĉiufoje pli kaj pli oftiĝas, science ellaboritaj.

Per ekskurso al la mondhistorio por objektive montri, ke neniu nacia lingvo povas havi eĉ minimuman ŝancon fariĝi internacie akceptebla, kaj per montro, ke ni, esperantistoj ,estas sur la ĝusta vojo, ĉiufoje pli konscie kaj pli efike ekipitaj, Prof. Régulo finis sian prelegon, admonante ĉiujn kunhelpi plifortigi, pliseriozigi, pliefikigi la agadon sur ĉiujn kampojn, sed speciale sur la edukistan, kiu, laŭ li, portas la ĉefŝlosilon por nia definitiva venko.

Tondra aplaŭdo premiis lian disertacion.

Je la 16-a h. en la urbodomo de La Laguna akceptis nin Lia urbestra Moŝto S-ro Francisco Marcos Hernández, kiu esprimis al ni sian simpation kaj sian dankemon pro la okazigo de nia kongreso en La Laguna. Aplaŭdo ĝenerala kronis liajn sincerajn vortojn. Mi rimarkigas ĉi-tie, ke oni sentas ĉie la efikon de tiu favora etoso, pli supre citita, penetrinta altajn sferojn de la Kanaria Insularo. Dum la akcepto, ni omaĝis Profesoron D-ro Jesús Maynar Duplá, kaj Profesoron D-ro Elías Serra Rafols iamaj Dekanoj kiuj per sia kuraĝa spirito ebligis liberan kurson de Esperanto en la Universitato en j. 1947-a ĝis 1949-a kaj oficialan kurson en la Instituto pri Lingvoj de la Universitato de La Laguna, la 7-an de decembro de j. 1963-a kie ĝi ankoraŭ daŭras nun. Ankaŭ iliaj nomoj estos enskribitaj en la Historio de Esperanto.

La Esperantista Societo de Tenerife, ESTO, donacis al la omaĝitoj belan arĝentan pladon memorigan.

Post la akcepto en la Urbodomo kaj omaĝo al D-ro Maynar kaj D-ro Serra, ni ekskursis tra la komunumo de La Laguna, invititaj de la Urbestraro, kiu regalis nin per vespermanĝo en Restoracio "Tiro de Pichón".

*La 8-an de julio*

Ni ekskursis la tutan tagon al piedo de monto Teide, loko nomata "Las Cañadas del Teide" (ĉ. 2400 m.) kie la Ŝtato faris parkon kaj luksan gastejon kun banejo. Kiam ni alvenis (iom neakurate) longaj tabloj garnitaj per frandaĵoj jam atendis nin, kiel honora regalo oferita de la Cabildo Insular de Tenerife al la kongresanoj.

Sur vojo neniam rekta (kompreneble!) ni iris supren inter dikegaj, altaj eŭkaliptoj, kiuj staras kvazaŭ honorantaj gardistoj. El sub la nuboj tra la nuboj ni veturis super la nubojn, alten ĝis ŝajnis al ni ke ni ŝvebas super vata



La Urbestro de Santa Cruz de Tenerife, bonvenigas la kongresanojn en la Urbodomo de la ĉefurbo



La fotisto surprizis nian «seriozajn» samideanojn

maro. Kurioza lando! Laŭvole oni povas vivi sub, en aŭ super nuboj, kie la suno brile brulas kaj la aero nevarme blovetas. Tie, apud la bazo de tiu amasego da ŝtonoj, turistoj ĝuas puregan, senpolvan aeron, naĝas kaj loĝas komforte en luksa hotelo nomata haltejo aŭ gastejo pro turisma celo.

Revenante, ni mire rigardas la bildon de tiuj krateroj, apud kiuj ankoraŭ freŝa nigra lafo ŝutita dise, amase, bule, nesurireble, havas lunecan aspekton. Jam pli malsupre, belaj vilaoj atestas pri la homa deziro vivadi trankvile, malgraŭ la kontraŭatesto de la apudmara denseco kaj svarmado, ke oni ŝatas la bruon, la ekscitecon kaj kunmiksiĝon kiel en Puerto de la Cruz, kies amasego da modernaj hoteloj —la plej granda kvanto en la malplej granda loko— kungluas milojn da alilandanoj tiagrade, ke preterpasantoj parolas ĉiun lingvon escepte la hispanan! Tio estas invado kaj la tempo decidos.

Niaj gejunuloj volis vidi la sunaperon de sur la pinto de Teide (3517 m.) por kio ili devis halti nokte en rifuĝejo "Altavista" kaj fruege marŝi (aŭ rampi?) pli ol mil metrojn alten. Ili povis tuŝi la varmajn spirtruojn de la dormanta vulkano kaj vidi la plej vastan horizonton en sorĉa krepusko. (Vidu aparte la artikoleton de F-ino Ana Régulo). Reveninte ni vizitis la urbon Puerto de la Cruz, kies Magistrato prezidate de Lia Urbestra Moŝto S-ro Felipe Machado del Hoyo faris honoran regalon al ni.

*La 9-an de julio*

Densan programon ni havis hodiaŭ. Je la 9-a h. ni vizitis la manufakturon de cigaroj kaj cigaredoj "La Lucha", kie mirindaj maŝinoj plenumas sen homa helpo delikatan, malfacilan laboron. Kiel prestidigitatoroj, tiuj maŝinetoj aperigas el nevideblaĵo cigaredojn, kiuj cirkulas inter maŝineroj kaj grupiĝinte en definita nombro memenvolviĝas perfekte! Hela, moderna fabriko, kies afabla posedanto persone informadis nin pri ĉiu detalo. Antaŭ la eliro, ĉiu vizitanto ricevis donace po unu luksa pako de tabakaĵo "La Lucha". Estas evidente, ke ankaŭ tie-ĉi kreiĝis favora etoso por Esperanto. Tial ĉiu el ni memoru kaj neniu el ni forgesu, ke bonan reputacion ni semas se ni *sobre* akceptas kion oni *abunde* oferas.

Tuj ni iris al petrolrafinejo de C.E.P.S.A. en urbo Santa Cruz, kie afablaj teĥnikistoj eksplikadis al ni la fazojn de rafinado. Kruda petrolo estas varmigata ĝis 400°. Anstataŭ lertaj maŝinetoj, ni vidis tie nur tubojn faske etenditajn en ĉiu direkto. Tri turbinoj konsumas po 60 mil litroj da akvo altgrade vaporigita ĉiuhore! Ni ĵus miris pro moviĝemaj maŝineroj, nun ni gapas inter kaj sub tubaro! Strangajn facetojn havas la moderna teĥniko. Antaŭ ol eliri ni troviĝis apud tabloj, sur kiuj afabla regalaĵo estis destinita al ni. Ankaŭ ĉi-tie regas favora etoso por Esperanto.

De tie, ni veturis je la 13-a h. al Urbodomo de Santa Cruz, kie Lia Urbestra Moŝto S-ro Pedro Doblado Claverie tre kore akceptis nin kaj per tre bondeziraj vortoj li pruvis sian favoran opinion pri nia afero. Amikecan regalon li oferis al ni: Frandaĵojn, refreŝigajn botelojn...

Je la 16-a h. okazis la Ĝenerala Kunsido de H.E.F. pri kiu raportos nia sekretario, F-ino Inés Gastón.

Je la 19-a h. 30 m. S-ro Giordano Moya Escayola prelegis en Esperanto pri la temo: "Esperanto laŭ Etika Vidpunkto".

## ESPERANTO LAŬ ETIKA VIDPUNKTO

*Resumo de la prelego de S-ro Giordano Moya*

S-ro Giordano Moya evidentigas la rilatojn inter Esperanto kaj Etiko aŭ Filozofio de la Moralo. Ambaŭ, Esperanto kaj Etiko estas intime ligitaj kun la Socio, kiu estas ni mem, la nuntempuloj. La ekonomiaj strukturoj koncernas la produktadon kaj komercon, sed la mensaj koncernas la morojn, kredojn kaj homrilatadon. Esperanto naskiĝis por interkomprenigi kaj pacigi malsamlingvajn popolojn. Etiko influas la konduton kaj la kondutado la Socion. La Socio dependas de la homa volo, homa libereco. Pro libereco la homo estas respondeca; des pli, ju pli libera. Tio apartenas al Etiko. Ĉu unuopa homo nature estas libera? Ŝajne jes, fakte, ne. Primitivuloj havis nenian liberecon, ĉar katenitaj al kontraŭanta medio. Ne vivoĝuo, sed vivolukto okupis ilin. Homa libereco rezultas el kultura kaj civiliza Socio. Kulturo rilatas la menson, civilizo la materian flankon de la Socio. Esti libera signifas povi elekti. Oni povas interesiĝi nur pri si aŭ ankaŭ pri aliaj, do esti egoisma aŭ altruisma. Ni interesiĝas pri Esperanto, dum aliaj ne, malgraŭ informiteco. Jen libereco kaj respondeco pri elekto. Fari nenion estas respondeca konduto.

Ni celas forigi la lingvan baron. La lingvoj estas rezulto de evoluo komenciĝinta kiam ekestis la homo. Tiam la mondo estis vastega, ebena. Oceanoj, montaroj, dezertoj estis netransireblaj, sed la homojn plej multe izolis la homoj mem, pro malamikeco. Tiu izoleco influis la lingvoevoluon kaj la lingvoj estas rezulto de aliaj cirkonstancoj ol la nunaj. La modernaj teĥniko kaj industrio tiel ŝanĝas ĉion, ke krizoj kiel la du mondmilitoj —kaj eble tria— skurĝas la homaron. Ĉu eviteble? Ne plene, sed ni povas elekti tiun solvon, kiu kaŭzas malpli da sufero kaj damaĝo.

La homon distingas la menso, li estas konscia, kaj ju pli regas la menso des



S-ro. Maurice Mongeois, Jorge Gumá kaj Ana M.ª Ferrer pozas por BOLETIN



Grupo de kongresanoj dum la Oficiala Bankedo

pli homeca li estas. La homa socivaloro altiĝas per la menso; ĉu ni nomu tion spiritualismo aŭ idealismo? Preferinde diri "esperanta humanismo". Vane oni formulos ideologiojn por solvi problemojn. Kia estos la Socio post dek, cent aŭ mil jaroj? Urĝas apliki mensan solvon, ĉar la hazardo nenion solvas kaj ĉion detruas. Civilizoj disfalis ĉar oni ne sciis aŭ volis kolektive solvi siajn krizojn. La homaro riskas tutan detruiĝon pro la blinda irado de la historiaj fortoj. Nur la menso povos savi nin. La internaciaj organizaĵoj velkas pro manko de komuna helpo, la amaso estas indiferenta, nur kelkaj kleruloj klopodas, mankas mensa bazo por ke tiuj organizaĵoj pluvivu. La nuna krizo estas kreskokrizo, kiu postulas etikan solvon, ĉar la materia kresko estas pli rapida ol la morala. Televidon oni uzas ne sciante ĝian funkciadon, sed ne ekzistas morala progreso sen individua konscieco, kiu estas bazo de la kolektiva.

La homo estas malsimila je la aliaj vivuloj per tio, ke anstataŭ adaptiĝi al la medio, li klopodas ŝanĝi ĝin. La mondo estus alia se la homo ne loĝus sur ĝi, kaj ĝi parte estas kreaĵo de la homo mem, kio pruvas la materian progreson. La homo estas ia nekulturata kampo, li havas blindan instinkton kaj pasiojn, sed lia menso gvidas la unuan kaj envojigas la duajn. Jen la individua morala progreso. Socio ne estas grego sed organizaĵo, en kiu la homo vivas kaj prosperas; organizaĵo gardanta la komunan trezoron de ĉies scio; tiu sciokolektiĝo estas la kultura progreso.

Nun S-ro G. Moya analizas la paralelecon de esperantismo kaj homarunuiĝo: Konscia, homeca, kaj nekonscia, natura. Ni konscias pri la lingvo problemo kaj intencas solvi ĝin per mensaj rimedoj. Zamenhof faris racian lingvon el ekzistanta materialo, pro kio ĝi estas pli sintezo ol abstraktaĵo kaj ĝi disvastiĝis per argumentoj kaj ne per militoj. Se per nia persistemo ni prosperos ĝeneralan enmensigon de Esperanto, tiam ĝi oficialiĝos sen katastrofoj. Tio signifas, ke nia agado estas kulture pli alta kaj responda al etika progreso. Sen detruo kaj sen trudo, nur per aldono de nia racia kreaĵo al ekzistanta kulturo, en lingva unueco. Se ni malsukcesus, kio okazus? Estas du ebloj: ĥaosa disfalo de lingvoj pro miksiĝo, se plu daŭrus la rapida interlanda migrado kaj komunikado; aperus ĵargonoj malfacile ordigeblaj, taŭgigeblaj por literaturo; neniu el ili estus komparebla, kvalite kun la racia Esperanto. Aliflanke la homaro estas unuiĝema, kaj se el pluraj imperioj nur unu prosperus regi, la tuta homaro falus en servutecon lingvan kaj homan. La plej granda nuntempa problemo estas la morala homarunuiĝo.

La senco de progreso estas adicio kaj ne subtraho, kunlaborado kaj ne malhelpado. Izoluloj povas fari nenion; ju pli granda la civilizo, des pli grandaj ĝiaj kreoj. La progreso haltas se unu homo detruas kion alia konstruas. An-

stataŭigi la lukton por la vivo per la kunhelpo, jen la progreso. Liberiĝi de la sklaviga medio por satigi la korpon per manĝo kaj la spiriton per homeca kulturo, jen la progreso. Pro manko de homeca kulturo ni travivas krizon.

Konscie gvidi la instinktojn kaj enyojigi la pasiojn, jen la individua moralo; la kolektiva estas nur adicio de unuopaj kondutoj. Oni ne povas juste kondamni homon pro murdo dum oni gloras pro milito amasbuĉadon. Postrestas en kolektivoj iaj procedoj de tre longe riproĉataj al individuoj. Mankas kolektiva moralo, interpopolaj devoj kaj helpo anstataŭ trudo. Sen unuiĝo, ne eble eliri. Ni bezonas pli efikajn internaciajn organizaĵojn ĉar la ekzistantaj velkas sur la sterila grundo kie ili estas plantitaj. Neniu persono nek ŝtato demandas al si, kiaj estas la propraj devoj al la homaro. Ĉiu obeas egoismon, kaj kunpuŝiĝo de egoismoj naskas malpacon. Ni agu sur la mensojn. La blinda disvolviĝo de kolektivo kondukas pro egoismo al ruiniĝo. La kolektivoj devas urĝe submeti sin al reciprokaj devoj. Homaro kaj lingvoj bezonas unuecon. Unu lingvo kun la aliaj, unu organizaĵo kun la diversaj popoloj. Esperanto estas la unua kreaĵo de tiu stadio de kulturo kaj civilizo. Pli ol por ordinaraj bezonoj, Zamenhof kreis la lingvon por homarunuiĝo. Jen la interna ideo. Morala, homama sento instigis lin, kaj Esperanto naskiĝis kun tiu sento, tiu grandioza entrepreno: Unuiĝo de la Homaro. Tial estas morala devo lerni Esperanton, labori por ĝi. Esperanto venkos kun la unuiĝo de la Homaro aŭ kontraŭe, ĉio ruiniĝos.

Varma aplaŭdo premiis lian interesan prelegon.

Je la 22-a h. okazis la Oficiala Bankedo en la luksa hotelo NAUTILUS, en Bajamar (La Laguna). Honoris nin per sia akompana ĉeesto Iliaj Urbestraj Moŝtoj gesinjoroj Marcos Hernández. Ankoraŭfoje, favora etoso ĉi-tie.

Post la bankedo, gejunuloj dancadis ĝis tre nokte. La aliaj, kvankam ne dancinte, ankaŭ enlitiĝis malfrue.

*La 10-an de julio*

Je la 9-a h. okazis la Ekzamenoj. Prezentiĝis ekzamenotoj nur por la Elementa Diplomo. Kiam post la ekzamenado, laŭ deziro de la ekzamenitoj mi korektis publike al ĉiu la erarojn, refoje evidentiĝis la bezono uzi unu, du, tri horojn de niaj kongresoj por instruado aŭ forigo de gramatikaj duboj. Sen ĝenerala scio de Esperanto nia movado estus falsa.

Je la 11-a h. nia Honora Prezidanto, D-ro Rafael Herrero Arroyo prelegis en hispana lingvo:

D-ro Herrero prelegis hispanlingve por ne esperantistoj: parencoj, amikoj, akompanantoj de esperantistoj kaj scivolemuloj, kiuj ĉiam okupas sidlokojn okaze de kongresaj prelegoj. Li disvolvis la temon:

*"Esperanto, sola solvo"*

Li komencis montrante la nunan ling-



Grupo de kongresanoj dum la Oficiala Bankedo

van ĥaoson, des pli absurda en nia epoko de teknikaj kaj praktikaj atingaĵoj.

La malapero de la latina lingvo por internaciaj rilatoj okazigis, de antaŭ kvar jarcentoj, gravan malplenon por la scienco, la vojaĝoj kaj la ĝeneralaj komunikaĵoj. Ĉar neniam estis Akademio prizorganta la lingvon de Cicerono kontraŭ la kripligo de la misuzado, kaj perfektiganta ĝin por adaptiĝo al la novaj akiraĵoj de la tempoj, ĝi dialektiĝis kaj, iom post iom, ĝi devis forlasi la sceptron de la interkonsentita internacieco, tre bedaŭrinde, ĉar ĝi okazigis, tiel, la teruran problemon kiu premas ankoraŭ la homaron.

Ĉiu projekto por adapti la latinan lingvon al la moderna vivo pruviĝis esti netaŭga kaj, ne malpli, malrespektema por la lingvo kiu estis, dum jarmilo, la perilo de tiel multaj kaj senkomparaj ĉefverkoj.

La franca lingvo estis, dum kelkaj jarcentoj, kiu povis heredi la internaciecon de la latina, sed, de post la traktato de Versailles, ĝi devis cedi la ĉefan lokon al la angla, kiu superregas ĝin pro demografiaj kaj dolaraj kialoj, malgraŭ la nedubinda graveco de la franca literaturo kaj ĝia ĝenerala uzado en la intelektualaj medioj.

La angla lingvo havas nekontraŭstareblajn avantaĝojn por esti kandidato al la internacieco. Ĝia gramatiko estas ege simpla kaj ĝi posedas multenombrajn unusilabajn vortojn kiuj ŝparigas tempon. Ĝi estas jam parolata —pli malpli malperfekte— de dekono de la tera loĝantaro. Sed, la ceteraj, naŭ dekonoj tute ne estas pretaj alpreni ĝin. Tute kontraŭe, la zenito de la uzo de la angla, jam estas preterpasinta. La kolonia angla imperio dissplitiĝis kaj la deviga uzado de la mastra lingvo jam malaperis. Ĝia ĥaosa prononcado, kiu devigas la anglojn mem literumi siajn proprajn nomojn, kaj la kunmetado de vortoj, kies eroj tute signifas alian aferon ol la tuto, malebligas por eksterlandanoj la regadon de la lingvo de Shakespeare, kiun, laŭ Bernard Shaw, anglaj patroj instruas, plenaj je honto, al siaj filoj.

Tion komprenis bone la angloj mem, kaj, ruze, ili intencis allogi ceterulojn per simpligita angla lingvo.

La preleganto ne bezonis analizi la "projekton". Li citis simplan frazon: "Kelnero: alportu al mi tomatan salaton!" La demandinto restus senresponda, ĉar en la tiel nomata "Basic English" ne estas la vortoj: kelnero, tomato nek salato!

Do, tia esprimilo estas tiel elementa ke per ĝi oni tute ne povas kompreni normalan anglan lingvon! Absolute netaŭga projekto.

La solvo de la lingva problemo nur povas esti alportita de neŭtrala lingvo, kiel Esperanto, kiu havas senliman kapablon por esprimi ĉion; facile lernebla, malfacile forgesebla —pro logikeco— kaj, ĉefe, ĉar, per ĝi, kaj sole per ĝi, povos esti realaĵo la ordono de la plej granda moralisto de ĉiuj tempoj: "Amu vin, unu la aliajn".

La preleganto uzis abundajn ekzemplojn por pravigi sian rezonadon, kaj la ĉeestantaro aprobe akceptis ilin, kaj varme aplaŭdis je la fino.



**Parto de la Prezida tablo dum la Oficiala Bankedo. D-ro. Sancho Izquierdo dankas al la Urbestro kaj lia edzino ilian ĉeeston**



La Rektoro de la Universitato de La Laguna, dum sia paroladeto okaze de la Solena Fermo de la Kongreso

Je la 12-a h. okazis la Solena Fermo. Prezidis la Rector Magnífico, Lia Ekscelenca Moŝto Prof. D-ro Jesús Hernández Perera, akompanate de la samaj personoj kiel por la Solena Inaŭguro. Per elokventa parolo li esprimis al ni sian simpation, sian kuraĝigon, sian esperon ke Esperanto fine triumfos, kaj sian dankon pro nia kolektiĝo en La Laguna. Sekvis dankaj vortoj de la Prezidanto de H.E.F., Moŝto Miguel Sancho Izquierdo, kaj tuj nia sekretariino F-ino Inés Gastón laŭte legis la Kongrerezoluciojn:

Post tio, la Prezidanto deklaris la Kongreson finita. Finan punkton ni metis per komuna kantado de la unua strofo de nia Himno.

*Kongresaj Eĥoj*

La gazetoj de la ĉefurbo de la insulo, nome la ĵurnaloj "El Día" kaj "La Tarde" regule informadis pri la Kongreso; ĉiu el ambaŭ ĵurnaloj aperigis du longajn intervjuojn dum la kongreso, unu kun Prof. Miguel Sancho Izquierdo kaj alia kun Prof. Juan Régulo; kaj antaŭ la kongreso same ĉiu ĵurnalo aperigis intervjuojn kun Prof. Juan Régulo. La "Hoja del Lunes" same bele informis. Ne malpli ol 12 bildoj pri la Kongreso aperis entute en la gazetaro. La radio regule informadis pri la elvolviĝo de la Kongreso kaj dissendis intervjuon: unu kun Prof. Juan Régulo la tagon antaŭ la inaŭguro, kaj unu kun Prof. Sancho Izquierdo la tagon de la Fermo. La Televido vere malavare traktis nin kaj plurfoje dissendis informojn kun bildoj pri nia kongreso kaj longan raporton pri la Bibliografia Ekspozicio, kun pli ol 20 metroj da filmoj, dufoje. Grave: Ĉiutage RADIO NACIONAL dissendis el Madrid kronikon pri nia kongreso, ricevitan el Santa Cruz de Tenerife. "ABC", "La Vanguardia", k.a. informis mallonge pri nia kongreso. Ankaŭ mallonge, sed ĉiutage informis la ĵurnaloj de Las Palmas. Post tio sekvis la grava unuanima decido de la Magistrato de Santa Cruz de Tenerife, nomi novan straton "Calle Esperanto". En la kongresejo ni havis specialan poŝtoficejon kaj oficialan kongresstampon por korespondaĵo. Por la unua fojo ni havis TELEX-stacion en la kongreso de La Laguna, kaj oni povis rekte sendi telegramojn kaj raportojn al diversaj ĵurnaloj. Fine restas al ni la Kongresa Libro kun koloraj paĝoj, kiel bela memoraĵo de la bela Kongreso en La Laguna.

*La 11-an de julio*

Je la 11-a h. ni ekflugis al Las Palmas, ĉefurbo de Gran Canaria, kien ni alvenis post 30 m. Ĉiu iris laŭ sia plaĉo rigardi ĉion rigardeblan tra tiu-ĉi urbo, kiu kreskante laŭlonge de la marbordo jam atingis 12 kilometrojn. Turisma urbo, luksaj butikoj; hotelegoj riĉaj por riĉuloj; amaso da hoteloj, baldaŭ pli nombraj pro la nun konstruataj; unu kun 30 etaĝoj, unu sur alia, rondforma kiel turo. Butikoj tenataj de hindoj kaj hindinoj, kiuj en tipa longa robo ridetas, kaj milde ofertas —tre malkare— siajn varojn... Ĉu mi aludu



Grupo de esperantistoj en Las Palmas de Gran Canaria

la paliĝon de tiuj naivaj aĉetintoj, kiuj pli poste konstatis, ke trompite ili pagis pli kare? La ciganoj diras ke ĉiutage naskiĝas unu trompoto. Tre verŝajne.

Je la 19-a h. 30 m. dank'al enirbiletoj senpage disponigitaj al kongresanoj ni ĝuis pianrecitalon de la virtuoza franca pianistino Marylen-Dosse en la Teatro Pérez Galdós de Las Palmas de Gran Canaria. Mirige!

*La 12-an de julio*

Antaŭtagmeze per busoj de Meliá ni vizitas la urbon, la havenon —la gravan havenon kie inter aliaj troviĝas japanaj kaj rusaj ŝipoj—, la domon de Kolumbo, preĝejon, la kanarian vilaĝon...

Tie mi vidis unu junan dracenon aŭ drakarbon, kies kelkaj fratoj aŭ patroj aĝas pli ol tri mil jarojn. Posttagmeze ni ekskursis per busoj al Bandama tra Arucas kaj Teror, kie ni vizitis la nun riparatan preĝejon al Pin-Virgulino, patronino de la Insulo. De sur la alta montpinto Bandama, kiun ni atingis sur spirala ŝoseo, kaj kie oni povas aĉeti memoraĵojn, ni vidis sub ni la Caldera (Kaldrono) t.e. vulkankrateron larĝan je unu kilometro, profundan je ducent metroj. Sur la grundo de tiu profundaĵo vivas absolute senbrue, ĉirkaŭite de pli-malpli deklivaj naturaj muregoj, kamparanaj familioj en kampaj domoj. Truo en la mondo. Ili vivas aparte. Por eliri, ili uzas azenojn. Neniam antaŭe vidinte similan grandiozaĵon, mi apenaŭ asimilas la impreson.

*La 13-an de julio*

Ni ekskursis al Maspalomas, la plej suda parto de la insulo, sur moderna aŭtoŝoseo, laŭ la marbordo. Ni preterveturis la kostruatan sensaligejon, kie oni sensaligos la marakvon por kovri la ĉiutage pligrandiĝantan bezonon je trinkebla akvo. Ni estis tre proksime de la Observejo, kie oni post kelkaj tagoj ricevis komunikojn de la unuaj surluniĝintaj astronaŭtoj. Ni vidis la vastajn tomatplantejojn preparitajn por proksima rikolto. Ni traveturis dezerton —ŝtonoj kaj ŝtonoj!— kie antaŭ nelonge oni veturis nur per kameloj. Ni vizitis ŝtono-muzeon, kies belan kolekton ni admiris; kaj en la sama loko, metie aĵuritaj tolaĵoj vekas la virinan aĉetemon. Ni sciiĝis, ke partoj de la marbordo estas ŝtonplenaj, nigrecaj, kaj pro danĝero, ne uzeblaj por baniĝo. Niconstatis, ke Maspalomas-strando estas moderna, kun flava sablo, kun luksa restoracio. Tie ni tagmanĝis. Distanco 60-kilometra apartigas Maspalomas de Las Palmas. Homamaso veturas tien. Kaj en la proksimo kaj malproksimo, grupoj da bangaloj kaj unuopaj vilaoj por restado. Abundas alilandanoj, precipe svedoj, laŭ la diversaj videblaj skriboj. Ĉu ili ne scias, ke Esperanto ekzistas?

*La 14-an de julio*

Je la 8-a h. 20 m. ni per jeto reveturas fluge al Madrid. Sub ni, akvo kaj nuboj; pli poste reaperas la grandega mozaiko, proksimiĝas la granda urbo, la intensa trafiko, la sufoka atmosfero, la konfliktoj... Ĉu ni trovos fervojbiletojn? Sonis ĵus la 12-a horo. Estas sufoke. Rapide per taksio al fervoja stacidomo. Biletojn ni trovis, sed por nokta, sendorma vojaĝo. Fine ni venis hejmen. Estas bone troviĝi hejme. Kaj el la amaso da impresoj, mi provis ŝpini historieton. Se ĝi informe distris vin, mi ne perdis la tempon.

*Salvador GUMA*

# Ni Surgrimpis La Monton Tejdo



Okaze de nia 29-a Hispana Kongreso de Esperanto, la Kongreso de La Laguna, eta grupo de kongresanoj, entute naŭ (ses duoninsulanoj kaj tri kanarianoj) surgrimpis la monton Tejdo, kiu estas la plej alta monto de Hispanujo, 3.714 metrojn super la marnivelo. La ideon lanĉis kelkaj montogrimpistoj, membroj de "Frateco", esperantista societo de Zaragozo, kaj ĝin akceptis tri kanariaj kaj unu kataluna gekongresanoj, tute laikaj pri alpismo. Ĉio elvolviĝis kontentige, rigardate de *nun*, kiam la "bravegaĵo" estas jam historio; nun ĉio aperas normale plenumita... Ne; nenio neriparebla okazis: ni nur perdis horon, ĉar ni eraris pri la vojo. Normalaĵo... Sed ja tre lacige. Cetere neniu el la grimpantoj konis la lokon; neniu havis antaŭan sperton pri la lokaj kondiĉoj. Noktiĝis. Kaj ja ne estas egale ŝirma kaj kuraĝiga la lumo de la suno ol tiu de lanternoj... Nu, kio okazos, se ni misiras? Kaj kio, se ni ne atingos la rifuĝejon (je 3.260 m.)?

Neniam antaŭe mi vidis tiom da steloj. La pejzaĝo estis belega kaj la aeron parfumis genistoj; sed mi ne sciis kiel akordigi tion kun la terura lacego. Subite, kiam jam la optimismaj ridetoj, kiuj estiĝis la antaŭan tagon, komencis estingiĝi, jen mirindaĵo! "Mi ekflaras fumodoron!" ekkriis iu. Ni akcelis niajn paŝojn. La lanternoj klopodis fendi la mallumon, eĉ la silenton. Jen ĝi! Jes, belega rifuĝejo, alloga, varma, hejmeca. La teo, kiun oni proponis, ŝajnis al ni la nektaro de la olimpiaj dioj de Homero. Kiel feliĉaj ni estis tiam! Neniom gravis la horoj da vojado, la laciĝo. Nun mankis jam malmulto por atingi la pinton.

Neniu dormis dum tiu nokto. "Normalaĵo", diris la duoninsulaj montogrimpistoj: "la laciĝo, la ekscitiĝo, la alteco..." Sed ja ne mankis voĉoj, kiuj kulpis pri tio la liton...

Sed eĉ tio ne gravis.

Je la kvara matene la ridetoj estis eĉ pli larĝaj, se tion oni povas diri, ol la antaŭan posttagmezon. Ni rekomencis la grimpadon. Nun ĉio montriĝis pli facila. La montego ne povis nin subigi; kontraŭe, ni subigis la montegon! Tion oni sentas ĉe la pinto. Estis la sesa horo matene, kaj la suno ankoraŭ estis nur espero.



La grimpistoj antŭ la rifuĝejo

Estis malvarme. Sed ĉu tio gravis? Ni estis lacaj. Stultaĵo! Nun ni estis sur la plej alta pinto de Hispanujo, kaj, aldone, eĉ sur vulkano, ĉirkaŭitaj de maro kaj ĉe ekmateniĝo!

Unu post alia malaperis la steloj, la ĉielo iom post iom iĝis violkolora, kaj jen: la suno! La pinto de la monto Tejdo ruĝiĝis, malstreĉiĝis kaj ŝajne ekvivis. Blovis forta vento, probable el la nordo. Odoris sulfure. La giganta ombro de Patro Tejdo, kiel ni kanarianoj ĝin nomas, longiĝis super nubomaro malsupre kaj super la malproksima insulo La Gomera. Freneza fotografadokirliĝo: oni volis eternigi tiun momenton! Niaj okuloj estis tiel malfermitaj kiel nia spirito, por klopodi gravuri en nia memoro ĉion ĉi tion, antaŭ ol ĝin perdi, eble por ĉiam... Estis la 8-a de julio.

Poste venis la malsupreniro. Nun estis varme. Ni reatingis la rifuĝejon. Nur nun mi manĝis por la unua fojo, je la 8,30 matene. Ni daŭre malsupreniris; nun kure tra lafaj kaj pumikaj montdeklivoj, kunpuŝiĝante kontraŭ genistoj, ridante, ĉiam ridante...

Ree ni estis sur la ŝoseo. Ĉio estis finita. Sed, ĉu fakte *ĉio?* Ĉar, ĉu estas io tiel bela, kiel bela memoraĵo?

*Ana Régulo Rodríguez*



mallonga ripozado sur la pinto

# IOM PRI LA 21ª INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO KONGRESO EN AVIGNON

Pasintan 17-an de majo denove grupo de la fervojista sekcio de H.E.F. veturis alilanden por partopreni I.F.E.F.-Kongreson. Ĉijare tiu veturado direktiĝis al la "Papa urbo Avignon" en nia najbara lando Francujo.

En rezervita vagono ornamita per allogaj afiŝoj kaj verdaj esperantaj flagetoj, je la 6,50 h. 31 gesamideanoj ekveturis de la stacio Barcelona-Término; la grupo konsistis el samideanoj de Barcelona, Madrid kaj Santander.

Post rapida interkonatiĝo, la etoso en la "Esperanta vagono" fariĝis vere vigla kaj amuza. Kiam la trajno preterpasis la stacion S. Jordi, nia kara samideano Busquets (staciestro en tiu stacio) adiaŭis nin firme tenante la signalflageton sur la perono.

La grupo atingis Avignon je la 15,30 h. Sur la perono atendis anoj de la L.K.K. por gvidi nin ĝis la akceptejo situanta en la salono de la stacidomo kie oni aranĝis la loĝadon por la tuta grupo. Poste bela fraŭlino akompanis nin ĝis la hotelo.

En la "Palaco Campfleury" de la Foiro, situis la kongresejo kien ni direktiĝis por ricevi la dokumentojn; tie okazis gaja renkontiĝo kun aliaj gepartoprenantoj de preskaŭ tuta Eŭropo.

Post la renkontiĝo okazis "Teatra vespero" bonege ludita de la Esperanta grupo el Parizo. Dum pli ol du horoj ĝi distris la vizitantojn, kiuj plenigis la grandan salonon de la kongresejo.

Dimanĉe je la 10-a matene okazis la solena malfermo de la Kongreso kiun partoprenis 523 gesamideanoj el 19 landoj. Grandioza estis la podio tiun dimanĉon kiam sursceniĝis la honorvizitantoj, komitatanoj kaj landaj delegitoj. Parolis reprezentantoj de U.E.A., de la franca fervojo, urbaj aŭtoritatoj kaj landaj delegitoj. Nia Prezidanto S-ro Giménez pere de bela parolado salutis la kongresanojn; je la fino li estis varme aplaŭdata de la ĉeestantoj. Sekve S-ro Giménez transdonis al la reprezentanto de F.I.S.A.I.C. S-ro Chapuis, donacon de la hispana prezidanto de F.I.S.A.I.C. S-ro Pedrosa, kiu konsistis el ligna artefarita "D. Quijote kaj Sancho Panza" tre afable akceptita kaj dankita de S-ro Chapuis.

Oficiala fotado okazis antaŭ la kongresejo je la fino de tiu solena malfermo de la Kongreso.

Vespere je la deka okazis la Internacia Balo; ĝi estis vigle partoprenata de la tuta kongresanaro ĝis la dua matene.

Sed kompreneble la celo de nia Kongreso, esence faka, estas precipe labori kaj studi la problemojn de nia lingvo en nia fervoja medio. Pro tio, lundon je la 8-a matene, la komitatkunsido akurate iniciatis la diskutadon de la tagordo ĝis la 12-a. Post la raportoj de la estraranoj estis akceptitaj inter aliaj, la formatŝanĝo de nia I.F.E.F.-revuo, la buĝeto por 1970, la honora membreco de la lasta prezidanto S-ro De Jong, la reelektoj de D-ro Bakskai kiel komitatano "A" ĉe U.E.A., de S-ro Greutert kiel ĉefkomitatano de I.F.E.F. kaj de fraŭlinoj Gossl kaj Hervouet kiel kromkomitatanoj por la junulara sekcio.

Post la finiĝo de la estrara Komitatkunveno, kaj post kelkaj minutoj da ripozo kunsidis la Junulara komisiono, la Terminara komisiono kaj la Fakprelega komisiono.

Je la dua posttagmeze okazis ekskurso al Uzes kaj al Pont du Gard kie ni multe ĝuis vizitante tiun imponan monumenton de la romia epoko. Revenante al Avignon ni vizitis la Palacon de la Papoj; belega kaj grandioza konstruaĵo de la epoko en kiu Avignon estis la restadejo de la Papoj.

Vespere je la 21-a, okazis folklora vespero en la granda salono de la kongresejo. Sur la impona ŝtuparego kiu kondukas al la teatra salono, mirindaj kaj

belaj knabinetoj en belegaj blankaj kostumoj viciĝis kaj la vizitantoj grimpis inter tiuj du vicoj da anĝeletoj. La ludantoj oferis al la vizitantoj du agrablajn horojn de belegaj kantoj kaj dancoj de la suda parto de Francujo.

Mardo je la 8-a matene, okazis la dua komitatkunsido. Dum tiu kunsido estis aprobita la propono el Italujo por aranĝi la I.F.E.F.-Kongreson venontjare en la belega urbo Rimini apud la Adriatika maro. Provizore estis aprobita la propono de Jugoslavio por aranĝi la kongreson de 1971 en la urbo Ljubljana; ankaŭ estis akceptita la propono de Ĉeĥoslovakio por aranĝi nian kongreson de 1972 en la ĉefurbo Praha. Do, nia fervojistaro esperantista jam havas "ejon" por renkontiĝi dum venontaj jaroj.

Tagmeze, en la urbodomo, la urbestro S-ro Tuffaut, oficiale akceptis la estraron de la Kongreso kaj landajn delegitojn. Dum la honora vino, post la salutvortoj, de la hispanaj delegitoj S-roj Devís kaj Virumbrales transdonis al la urbestro de Avignon, donacon de la urbestro de Barcelona konsistanta el bronza fonteto "Canaletas" kaj de la urbestro de Tarragona, lignan reproduktaĵon de la fama romia mozaiko "La Medusa". Ambaŭ donacoj estis emocie dankitaj de la urbestro kaj larĝe fotitaj kaj publikigitaj en la ĵurnalaro de Avignon.
Je la 12-a h. okazis oficiala bankedo en la kongresejo kiun multnombre partoprenis la kongresanoj. En ĝi ni bone manĝis, trinkis kaj laŭte babilis, eble pro la bongusta franca vino kiu liberigis la langojn de la ĉeestantoj.

Je la 16-a, la junularoj ludis futbalmaĉon kontraŭ la loka fervojista teamo; kvar el niaj hispanaj junuloj ludis en la internacia teamo; tamen la rezulto ne estis favora al I.F.E.F.-teamo.

Merkrede okazis la tuttaga ekskurso al la urbo Arlés kaj Santes Maries de la Mer kaj Camarga regiono pere de sep aŭtoĉaroj. Dum la ekskursado ni vizitis gravajn kaj antikvajn romiajn monumentojn dissemitajn tra la urbo Arlés. La manĝado okazis en tipa kaj freŝa restoracio de la Camarga kie oni regalis nin per abunda kaj bona manĝaĵo. Post la manĝado ni promenis tra sovaĝa ebenaĵo kaj konstatis la laboron de la ĉevalrajdistoj kaptantaj junajn bovojn por marki ilin per varmega fera markilo. Poste okazis bovkurado sur malgranda "areno" kien kelkaj kuraĝaj kongresanoj eniris; tamen la furiozaj bovinetoj efike regis en la areno kaj el ĝi forpelis per siaj fortaj kornoj la plej kuraĝajn samideanojn kiuj aŭdace trapasis la barilon. Du el niaj hispanaj junuloj kunportis sur si, memoraĵon de tiuj bravaj bovinetoj.

Reveninte ni haltis en "Santes Maries de la Mer" urbeto sur la marbordo; specialan aspekton havis tiu urbeto ĉar post tri tagoj okazos la fama pilgrimado de la ciganoj alvenintaj el ĉiuj mondpartoj por festi siajn sanktulinojn Maries de la Mer. Ni per aŭtobusoj revenis al Avignon tra la multnombraj rizkampoj de tiu regiono.

Ĵaŭde okazis la ĝenerala kunveno dum kiu oni informis la gekongresanojn pri la rezulto de la diversaj aferoj traktitaj kaj aprobitaj en aliaj kunsidoj.

Je la 14-a, la franca fervojo (SNCF) organizis teknikan viziton al Deponejo de lokomotivoj. Ĝi vere plaĉis al multnombraj partoprenantoj kiuj dum pli ol du horoj dekope trarigardis la plej interesajn instalaĵojn de la Deponejo; dank' al speciala deziro la lokomotivestroj vizitis pli internen la elektrajn lokomotivojn, bone gvidite de teknikistoj de tiu Deponejo. Fine oni regalis nin en la entreprena restoracio per abunda kaj malvarma trinkaĵo kiun ni tre volonte akceptis ĉar la vetero estis tre varma. Ni revenis al la kongresejo tre kontentaj pro tiu teknika vizito.

Je la 16,30 okazis ege interesa fakprelego en la salono de la kongresejo kiu ĉijare temis pri "LA FRANCAJ FERVOJOJ KAJ LA GRANDAJ RAPIDECOJ". Dum pli ol unu horo estis bone klarigitaj de teknika inĝeniero la aktualaj realigaĵoj sur reloj, t.e. la novaj lokomotivoj kiuj jam veturas ĉiutage po 200 K/h, ekzemple la trajno "Capitole". Nun oni konstruas kelkajn turbintrajnojn kiuj rapidas 230 K/h.

Sed la plej interesa parto de la fakprelego temis pri la estonta rapideco ĉe la fervojo pere de nekonvenciaj teknikaĵoj nun provataj aŭ studataj; inter ili

estas la aerglita motorvagono kiu veturas (ne sur), sed iomete super betona trako. La unua veturilo estis provita en januaro 1969 kaj atingis 422 K/h. Ankaŭ la linia elektromotoro baldaŭ eliros el la eksperimenta stadio kaj certe revoluciigos la konvenciajn tir aŭ trenadmetodojn. Ĉiuj vizitantoj forlasis la salonon vere impresite pri tiuj fervojaj avantaĝoj.

Post la vespermanĝo la junulara sekcio organizis distran vesperon kiu vere "distris" la plenplenan teatron pere de diverspopolaj dancoj, kantoj kaj teatraĵoj ĝis noktomezo.

Vendrede okazis ekskurso al "FONTAINE DE VAUCLUSE", ORANGE kaj al la vinkeloj.

En Orange ni vizitis la romiajn monumentojn precipe ĝian grandan kaj bone konservitan teatron. Survoje ni haltis por pripensi la misteron de la fama fonto "FONTAINE DE VAUCLUSE" el kiu elfluas ĝis po 120 kubmetroj da akvo sekunde.

La vizito al la kelo "CHATEAUNEUF DU PAPE" estis tre bone akceptita de ĉiuj. La mastro regalis nin per glasetoj da bongusta vino, pro kio ni eliris iomete pli babilemaj ol antaŭ la eniro.

Kiel ĉio en la vivo havas finon, ankaŭ nia 21-a I.F.E.F.-kongreso finiĝis kaj fermis siajn pordojn post sep tagoj la grandaj kaj diversaj aktivecoj kiujn ni resumis ĉisupre.

Nia disiĝo mildiĝis ĉar ni scias ke ni renkontiĝos en Rimini (Italujo) post unu jaro.

Atendante la trajnon kiu kondukos nin al Hispanujo, kelkaj gejunuloj sin adiaŭis de siaj bonaj kaj afablaj internaciaj gekamaradoj pere de filma fotado.

*Rafael DEVIS*




**Grupo de hispanaj gepartoprenantoj en la IFEF-kongreso**

---

LETERVESPERO

Fervojista Esperanta Rondo organizas letervesperon, ĝi petas alsendon de leteroj, poŝtkartoj ĝis la 1-a oktobro 1969. Kompense ĉiu sendinto ricevos respondon per ilustrita esperantlingva libro "C.D.R. sin prezentas".

Adreso: FERVOJISTA ESPERANTA RONDO, R.A.W., 727 Delitzsch D.D.R., Germanujo.

---

## LA HISPANA FERVOJISTA ESPERANTISTARO VIVAS INTERNACIAN MOVADON

Laŭ la kreskado de nia sekcio, ĉiujare plialtiĝas la nombro de la hispanaj partoprenantoj al nia Esperantista Fervojista Kongreso. Ĉijare aliĝis al la 21-a I.F.E.F.-Kongreso kiu okazis en Avignon (Francujo) pli ol 40 gesamideanoj el diversaj urboj, precipe apartenantaj al Barcelona kaj Madrida delegacioj de H.E.F.A. (Sekcio de H.E.F.). Inter ili, dek du estas junuloj kaj kvin jam partoprenis pasintajn kongresojn en Germanujo kaj Bulgarujo.

Tio vere sekurigas la estontecon de nia movado ĉar tiuj junuloj certe estas la limfo kiu vigligos kaj junigos la arbon de H.E.F.A.

Ekde la jaro 1957 ĝis 1969, Hispanujo ĉiam estis reprezentita en I.F.E.F. —kongresoj pere de siaj kuraĝaj H.E.F.A.— anoj. Nur la 14-an Kongreson kiu okazis en Budapeŝto en 1962, neniu hispano partoprenis ĉar tiam estis tute ne eble atingi pasporton por eniri Hungarujon.

En ĉiu I.F.E.F.-kongreso, kompreneble, oni trovas problemojn kiujn dank' al Esperanto oni povas diskuti inter reprezentantoj el 19 diverslingvaj landoj sen helpo de tradukisto. Ni facile interkompreniĝas pri la diversaj taskoj proponitaj de la komitato por esti traktataj dum la laborkunsidoj.

Kompreneble krom la laborkunsidoj, en tiuj kongresoj, estas aranĝitaj amuzaj kaj kulturaj programoj. Ankaŭ belegaj ekskursoj ĉirkaŭ la kongresurbo estas organizitaj de la L.K.K.

Dum tiuj internaciaj kontaktoj kun alilandaj fervojistoj, oni pruvas la utilecon kaj efikecon de Esperanto por traktado kaj diskutado de fervojaj problemoj, multaj el ili, vere kun graveco internacia.

H.E.F.A.-estraro

---

## RELACION DE LIBROS DE «STAFETO» QUE PUEDEN ADQUIRIRSE EN LIBROSERVO DE H. E. F.

*BELLITERATURA SERIO*

| | | |
|---|---|---|
| JOZEFO, J. D. Applebaum. Prezento de R. Rossetti, 120 p. ... ... ... | 70,— | Ptas. |
| ESPERANTA ANTOLOGIO. Originalaj poemoj 1887-1957. Redakto kaj enkonduka eseo de William Auld, 642 p. Bros ... ... ... ... ... | 252,— | " |
| Tolbind ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 294,— | " |
| SONĜE SUB POMARBO. Julio Baghy, 230 p. ... ... ... ... ... ... ... ... | 126,— | " |
| EROJ KAJ ALIAJ POEMOJ. Marjorie Boulton, 368 p. ... ... ... ... | 168,— | " |
| REĜO EDIPO KAJ ANTIGONA. Sofoklo. Trad. D. B. Gregor, 216 p. | 126,— | " |
| TOPAZE. Marcel Pagnol. LA ŜIPEGO "TENACITY", Charles Vildrac. Trad. Roger Bernard, 292 p. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 140,— | " |
| OTELO, LA MAŬRO DE VENECIO. W. Shakespeare, trad. R. Rossetti, 208 p. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 126,— | " |
| KIEL AKVO DE L' RIVERO. Raymond Schwartz, 488 p. Broŝ ... ... | 210,— | " |
| Tolbind ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 266,— | " |
| HOMOJ SUR LA TERO. Stellan Encholm, 236 p. Broŝ ... ... ... ... | 140,— | " |
| Tolbind ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 196,— | " |
| 33 RAKONTOJ, LA ESPERANTA NOVELARTO. Red. de R. Rossetti y Ferenc Szilágyi, 352 p. Broŝ ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 210,— | " |
| Tolbind ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 266,— | " |
| SOIFO. Lajos Tárkony, 232 p. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 168,— | " |
| HAMLETO, PRINCO DE DANUJO. W. Shakespeare, trad. L. N.M. Newell, 252 p. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 168,— | " |
| MASKERADO ĈIRKAŬ LA MORTO. Teodoro S. Ŝvarc, 264 p. ... | 196,— | " |
| MARTIN FIERRO. José Hernández, trad. E. Sonnenfeld, Serio Oriento-Okcidento, n.º 5, 292 p. ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 266,— | " |

*POPULARSCIENCA SERIO*

| | | |
|---|---|---|
| LA VIVO DE LA PLANTOJ. Paul Neergaard, 128 p. ... ... ... ... ... | 140,— | " |
| NEPALO MALFERMAS LA PORDON. Tibor Sekelj, 214 p. ... ... ... | 210,— | " |
| LA BELA SUBTERA MONDO, LIBRO PRI GROTOJ. Leander Tell, 120 p. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 140,— | " |

## *MOVADO*

Ptas.

| | | |
|---|---|---|
| LINGVO KAJ VIVO, ESPERANTOLOGIAJ ESEOJ. Gastón Waringhien, 452 p., Broŝ ... | 238,— | " |
| Tolbind ... | 280,— | " |
| LA ZAMENHOFA ESPERANTO, SIMPOZIO PRI -ATA/-ITA. De Hoog, Gregor, Kalocsay, La Colla, Lapenna, Mikami, Pumpr, Régulo, Schwartz, Sonnenfeld, Waringhien, 338 p. Broŝ ... | 210,— | " |
| ZAMENHOF, AŬTORO DE ESPERANTO. Marjorie Boulton, 294 p. Broŝ ... | 210,— | " |
| Tolbind ... | 266,— | " |
| VOJAĜO INTER LA TEMPOJ. K. Kalocsay, 200 p. ... | 168,— | " |

## *BELETRAJ KAJEROJ*

| | | |
|---|---|---|
| ŜTUPOJ SEN NOMO. Baldur Ragnarsson, 128 p. ... | 70,— | " |
| PINTA KRAJONO. Reto Rossetti, 136 p. ... | 70,— | " |
| NUR TRI KOLOROJN. Eli Urbanová, 140 p. ... | 70,— | " |
| VITRALO. John Francis, 136 p. ... | 84,— | " |
| JUNAĜA VERKARO. Edmond Privat, 144 p. ... | 84,— | " |
| UNUFINGRAJ MELODIOJ. William Auld, 126 p. ... | 70,— | " |
| OMBROJ DE LA KVARA DIMENSIO. Edwin de Kock, 160 p. ... | 105,— | " |
| REEĤOJ. JUGOSLAVIA POEMARO. 112 p. ... | 70,— | " |
| NOVA EZOPO. Ŝtefo Urban, 128 p. ... | 70,— | " |
| PROVERBARO ESPERANTA. L. L. Zamenhof, 196 p. ... | 105,— | " |
| SPECIMENE. PARODIOJ KAJ PASTIĈOJ. Henri Baupierre, 138 p. | 105,— | " |
| PLANLINGVAJ PROBLEMOJ. ESPERANTO KAJ LA NATURALISMO, W. Gilbert, 100 p. ... | 70,— | " |
| LA PROFETO. Kahlil Gibran, trad. R. Orloff Stone, 128 p. ... | 70,— | " |
| ELINGITA GLAVO "Verdiro", Ĵurnalisma artikolaro, 148 p. ... | 84,— | " |
| EKZILO KAJ AZILO. Emba (Emeriko Baranyai), 164 p. ... | 105,— | " |
| PROVO ALFRONTI LA VIVON. Ivan St. Georgiev, 112 p. ... | 70,— | " |
| AVENTUROJ DE PIONIRO. Edmond Privat, 162 p. ... | 126,— | " |
| VIVO KAJ OPINIOJ DE MAJSTRO M' SAUD. Jean Ribillard, red. R. Rossetti, 150 p. ... | 105,— | " |
| DUONVOĈE. G. E. Maura, 180 p. ... | 105,— | " |
| SEN PARAŜUTO. Poul Thorsen, 144 p. ... | 84,— | " |
| SUB STELO RIGIDA. Þorsteinn frá Hamri, trad. Baldur Ragnarsson, 132 p. ... | 84,— | " |
| EL TERO KAJ ETERO. Julia Pióro, 116 p. ... | 84,— | " |
| MAŜINMONDO KAJ ALIAJ NOVELOJ. Sándor Szathmári, 188 p. | 105,— | " |
| SUR LA VIVOVOJO. Aleksandro Logvin, 116 p. ... | 84,— | " |
| JAPANA KVODLIBETO. Komp. T. Nakamura, M. Masao, 128 p. ... | 84,— | " |
| ROMEO, JULIETA KAJ LA TENEBRO. Jan Otĉenáŝek, trad. Vladimir Váña, 176 p. ... | 126,— | " |
| ĈIELARKO. Julio Baghy, 112 p. ... | 84,— | " |
| OKULOJ. Marjorie Boulton, 180 p. ... | 126,— | " |
| FAJRO SUR MIA LANGO. Edwin de Kock, 120 p. ... | 105,— | " |
| VESPERKANTO. Hendrik Adamson, 132 p. ... | 105,— | " |
| SOMERMEZNOKTA SONĜO. W. Shakespeare, trad. K. Kalocsay, 100 p. ... | 105,— | " |
| VIVO DE GANDHI. Edmond Privat, 172 p. ... | 140,— | " |
| NORDA NATURO. Hilda Dresen, 144 p. ... | 105,— | " |
| EL LA POLVO DE LA TERO. William Frederick Rolt, 144 p. ... | 126,— | " |
| ARĈOJ. Geraldo Mattos, 144 p. ... | 105,— | " |
| LA INFANA RASO. William Auld, 124 p. ... | 105,— | " |

Libroservo de H.E.F.: Paseo Marina Moreno, 35, 4.º - Zaragoza.

Sub la nomo "Tago de Esperanto en Perpignan", la 8-an de junio okazis en tiu bela kaj interesa urbo, Internacia Renkontiĝo, kiun partoprenis pli ol cent esperantistoj el ambaŭ flankoj de la Pireneoj.

La estraranoj de H.E.F. loĝantaj en Zaragoza translokiĝis al Perpignan akompanataj de kelkaj samideanoj de la Grupo Frateco. Krom akompani nian Prezidanton, ĉiuj deziris elmontri sian dankon al la esperantistoj el Perpignan, kiuj pro sugesto de nia Prezidanto organizis tiel belan Renkontiĝon.

La 7-an posttagmeze, per aŭtobuso, ni forlasis Zaragoza-n, granda entuziasmo kaj bonhumoro akompanis nin dum la vojaĝo; en Gerona, kie ni tranoktis, ni estis akceptitaj de nia kara samideano kaj amiko S-ro José Masías, kiu prizorgis nian loĝadon. La 8-an junio je la 7-a matene ni daŭrigis la vojaĝon kune kun niaj samideanoj el Gerona. Bedaŭrinde, nia aŭtobuso longe devis atendi en la franca landlimo, sed fine, ni atingis ĝustatempe "Hôtel Pams" kie devis okazi la akcepto de la esperantistoj kaj la oficiala aranĝo.

Je la 10-a matene multaj esperantistoj eniris en "Hôtel Pams" kaj tuj, francoj kaj hispanoj interbabilis en la internacia lingvo. En ĉiuj esperantistaj aranĝoj, unu el la plej agrablaj momentoj estas tiu de renkontiĝo de geamikoj kaj persona konatiĝo kun aliaj malproksimuloj... sed la tempo flugis kaj devis komenciĝi la oficiala parto de la aranĝo, kiu okazis en plenplena salono.

Ĉe la Prezida tablo S-ro René Llech-Walter akompanata de D-ro André Albault, Prezidanto de Franca Unuiĝo por Esperanto kaj de Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio.

S-ro Llech-Walter per sia flua Esperanto kaj simpatia esprimmaniero bonvenigis la ĉeestantaron, kiu laŭ lia diro, estis pli multenombra ol antaŭvidite. Li, legis salutleterojn de U.E.A., I.O.E., H.E.I., J.E.F.O. kaj multaj samideanoj el la du landoj. Kaj, sciigis nin ke la akcepto fare de la Urbestro okazos en la Komerca Ekspozicia Foiro anstataŭ en la urbodomo.

**Prezida tablo. S-ro. Llech-Walter salutas la alvenintojn**

Tuj sekve, D-ro Miguel Sancho Izquierdo salutis nome de la hispana esperantistaro, kaj parolis al ni pri la Hispana Esperanto-movado laŭ la memoro de malnova esperantisto.

Fine, D-ro André Albault prelegis pri Esperanto kaj evoluado de la lingvoj tra la mondo. Lia festparolado estis vera leciono majstre prezentita. Mi ne kuraĝas resumi ĝin por raporto; se eble, mi publikigos ĝin kompleta en venonta numero de BOLETIN.

La tri parolintoj estis varme aplaŭdataj.

Je la 12-a, la Deputito-Urbestro de Perpignan oferdonis honoran vinon al la partoprenantoj en la Kongresa Palaco, ĉe la elirejo de la Komerca Ekspozicia Foiro, kaj je la fino ni vizitis la Foiron.

En la restoracio "Le Rallye", okazis la bankedo dum kiu regis amika kaj gaja atmosfero. Je la fino, la Sekretariino de H.E.F., F-ino Inés Gastón, kiel Prezidantino de la Turisma Fako de la Federacio, invitis por okazigi francan-hispanan renkontiĝon, venontjare, en Jaca (Huesca), apud la franca landlimo Canfranc en la Pireneoj. Ĉiuj volonte akceptis la inviton de la Sekretariino de H.E.F.

Post la bankedo kelkaj el la partoprenantoj foriris per aŭtobuso por viziti la ŝipon "Lydia" inter Le Bacares kaj Leucate, la ceteraj vizitis la urbon ĉar ne estis preparitaj sufiĉaj aŭtobusoj por ke ĉiuj povu ekskursi.

Tiu internacia renkontiĝo ebligis plifirmigi la ligilojn kiuj ekzistas inter la esperantistoj el la du landoj.

Post mallonga haltado en Arenys de Mar kie ni noktomanĝis, kaj en Lérida, ni alvenis al Zaragoza la 9-an je la 5-a matene.

Ĉu lacaj? Eble... sed tre kontentaj!!!

RED



**Parto de partoprenantoj en la Renkontiĝo**

Ĉi-jare en la 22-a de junio okazis en Les Fonts de Terrassa la ĉiujara Provinca Renkontiĝo.

Les Fonts de Terrassa estas vilaa antaŭurbo de Tarrasa al kiu ĝi apartenas kiel restadeja kvartalo.

Akurate je la naŭa matene multnombraj geesperantistoj renkontiĝis antaŭ la Preĝejo atendante la komenciĝon de la Meso. Tiun celebris kaj predikis en esperanto Pastro Casanoves C.M.F. helpate de Pastro Claramunt Sch. P.

Pastro Casanoves en sia prediko atentigis la ĉeestantaron pri Simon la fiŝkaptisto. Jesuo renkontis Simon kaj tiu plendis pri tuta nokto de vana fiŝkaptado. Jesuo admonis Simon pri la laboro kaj la espero. Tiu mallevis la reton kaj okazis la miraklo de la fiŝkaptado kaj Simon sekvis Jesuon.

Pastro Casanoves reliefigis, ke Jesuo ne serĉis potenculojn nek arongantulojn sed simplajn homojn kiel Simon la fiŝkaptiston.

"Li ne serĉis grandajn ŝipojn de potenculoj sed modestan katedron sur ŝipeto de fiŝkaptisto. Mirinda ekzemplo de la instruo de Jesuo, kiu preferis la modestajn, la simplulojn."

Rilate al esperanto Pastro Casanoves diris, ke ni estas flankaj al la arogantaj kaj ekonomiaj potencoj. Tial el ambaŭ flankoj oni priridas nian ŝipeton.

"Esperanto aperas kiel vera solvo de la lingva problemo. Ni laboru senĉese, ni uzu nian reton por esperanta laboro."

"Necesas, ke ni ĉiuj perfektigu nian instrumenton por fiŝkaptado. Ne per distrompato de eternaj komencantoj sed per la perfektiga uzado de la lingvo esperanto."

"Nia laboro kaj espero estas la garantio de nia sukceso. Ni esperu kvazaŭ ĉio dependus de Dio."



La Suburbestro de Tarrasa S-ro. Juan Pujals malkovras la tabulon kiu donas nomon «Calle del Esperanto» al unu el la stratoj de Les Fonts de Terrasa

Post la Meso oni supreniris al la strato elektita nomiĝi Esperanto. Ĉe la malkovro de la marmora tabuleto kun la nomo "Calle del Esperanto" S-ro Ramón Molera je la nomo de la esperantistoj faris paroladeton al kiu la urbkonsilanto kaj suburbestro de Tarrasa S-ro Juan Pujals gratule respondis menciante la gravan signifon de la lingvo internacia esperanto. Li plendis pri tiuj miskomprenoj, kiujn kaŭzas la manko de internacia lingvo en la nuna amasa turismo; miskomprenoj, kiuj estas fontoj da malamo. S-ro Pujals asertis, ke li ne dubas pri la paca rolo de esperanto, ĉar tiu interkomprenigas la homojn.

Sekve en la hejmo de Joaquín Aragay, nia esperantista junulo, en feria tago de la militservo, kune kun siaj gepatroj regalis la multnombrajn ĉeestantojn per manĝetoj kaj refreŝigaĵoj.



**S-ro. Gabriel Mora Arana prelegas antaŭ ol la frateca kunmanĝado**

Post tio en vasta manĝosalono de Restoracio kaj antaŭ ol la frateca kunmanĝado, oni projekciis la filmon parolatan en esperanto "Testo Fiat 124".

Sekve en rilato kun la devizo de tiu ĉi 11-a Renkontiĝo "Omaĝo al la Esperanta Libro" nia samideano Gabriel Mora i Arana, poeto en ambaŭ lingvoj, esperanto kaj kataluna, prelegis pri "La Libro en Esperanto".

Mora i Arana komencis sian paroladon rememorigante la klopodojn de Zamenhof por aperigi la unuan libron kaj liaj malkonsentoj kun la Firmo Hachette kaŭze de la ruza konduto de ties Direktoro kaj daŭrigis la paroladon argumentante pri la tradukoj de Zamenhof kaj la florado de la Budapesta Skolo.

Li menciis la "Modernistan Movadon" en Katalunujo rilate al arkitekturo, pentrarto kaj literaturo. Ĉefa kreaĵo de tiutempa literaturo estas la romano Soleco de Katerina Albert (Víctor Catalá), kataluna verko, kiun majstre tradukis al esperanto S-ro Josep Ventura i Freixas.

"Soleco", elstara romano, lukse prezentita, sumiĝas al la multnombra eldonado de pli ol kvindek esperantaj eldonejoj, el kiuj la plej grava estas la hispana "Stafeto", sub la direktado de J. Régulo Pérez en La Laguna.

Je la fino de la kunmanĝado oni omaĝis S-anon Sebastiano Chaler pro lia senlaca kaj konstanta pionireco kaj kiel forĝisto de la nuna renaskiĝo de la esperantista movado. Al li estis donita, meze de varmaj aplaŭdoj, dediĉdonaco.

S-ro Molera per sentaj vortoj fermis la Renkontiĝon kaj proponis la urbon Manlleu por la venonta sidejo en 1970 de la 12-a Renkontiĝo. Propono, kiun oni aprobis per longaj aplaŭdoj.

Per gejunulara balo kaj amika babilado de la restantaj partoprenantoj finiĝis la 11-a Renkontiĝo. Kaj ĝis la 12-a en Manlleu.

G. M.



Ĉar ĉi-jare la Kongreso okazis iom malproksime por multaj samideanoj, alvenis salutoj de organizaĵoj kaj de esperantistoj pli multnombre ol kutime. Per la suba listo ni danke kvitancas ĉiujn salutintojn, kiuj tiel kontribuis, per sia spirita ĉeesto, al la brilo de la aranĝoj.

La salutojn laŭtlegis la Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, S-ro Régulo, kiu avertis antaŭe, ke li donos plenan tekston de nur du el la plej gravaj organizaĵoj kaj fragmentan tekston el unu el la individuaj. Li legis la salutojn laŭ jena siksekvo:

1. La Prezidanto de la Akademio de Esperanto, per jenaj vortoj:

"Karaj Samideanoj:
La Prezidanto de la Esperantista Akademio deziras al via 29-a Nacia Kongreso brilan sukceson: ĝi efike kontribuu al la progreso de nia afero en via lando, progreso, kiun jam atestis la rimarkindaj atingoj de viaj eldonistoj sur la vortara kaj sur la literatura kampo, kaj la starigo de katedro pri Esperanto en la universitato de la Kongresa urbo. Al ĉiuj feliĉon kaj esperon!

G. Waringhien
Kongresano n-o 178."

2. La Direktoro de la Centra Oficejo de U.E.A., per jenaj vortoj:

"Al: La 29-a Hispana Kongreso de Esperanto,
La Laguna, Hispanujo.

Al la 29-a Hispana Kongreso de Esperanto en La Laguna, okazonta de la 5-a ĝis la 10-a de julio 1969, la Centra Oficejo de U.E.A. sendas per tiu ĉi letero siajn plej korajn salutojn kaj bondezirojn por sukcesa laboro dum la Kongreso kaj en la estonteco.

V. Sadler,
Direktoro de la Centra Oficejo."

3. Esperanto Grupo de Valencia.
4. Stelo de Paco. Esperanto-Grupo-Barcelono.
5. Hispana Esperanto Fervojista Asocio-Barcelona.
6. Grupo Esperantista Fido kaj Espero-Valladolid.
7. Madrida Esperanto Liceo-Madrid.
8. Hispana Esperanta Aŭuroro-Madrid.
9. Junulara Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio-Barcelona.
10. Comunidad Baha'i de Santa Cruz de Tenerife.
11. Real Sociedad Económica de Amigos del País de Tenerife-La Laguna.
12. Pola Esperanto Asocio, Regiono en Vroclavo-Wroclaw (Pollando).

13. Roger Bernard, Sekretario de la Akademio de Esperanto.
14. Cándido Cienfuegos el Mieres (Asturias).
15. Jaime Perarnau el Tarrasa.
16. Florencio Enfedaque el Madrid.
17. Jerzy Bancki el Tomazów Maz (Pollando).
18. Francesc Vilá el Barcelona.
19. Ernesto Guillem el Valencia.
20. Manuel Díaz Camacho el Los Llanos de Aridane, La Palma, Canarias.
21. Vicente Hernández Llusera el Sabadell.
22. Diego Ruiz Herrero el Córdoba.
23. Alois Nydrle el Kladno (Ĉeĥoslovakio).
24. Rafael Gisbert el Barcelona.
25. Manuel de Elézcano el Bilbao.
26. Ramón Molera el Moyá (Barcelona).

27. Miguel Sender Brota el Barcelona.
28. S-ino G. Harabagiu el San Francisco (Usono).
29. Gonzalo Cabrera el Santa Cruz de La Palma (Canarias).
30. Antonio Carrillo el Santa Cruz de La Palma (Canarias).
31. José Díaz Duque el Santa Cruz de La Palma (Canarias).
32. José Zamorano Lomelino el La Laguna.
33. Emilia Gastón el Zaragoza.

S-ro Régulo emfazis, ke intence li donis lastan vicon al letero, kiun li ricevis de F-ino Emilia Gastón, ĉar li opiniis, ke tiu letero estis verkita en plej pura zamenhofa spirito kaj ke sekve ĝi plej bone kaj inde fermas la grandan liston de salutintoj. Tiel li legis el ĝi jenajn fragmentojn:

"Zaragoza, 1 julio 1969.
D-ro Juan Régulo Pérez.
La Laguna.

Kara samideana amiko: Tial ke estas neebla mia partopreno, ĉi-jare, en nia Kongreso, per tiu ĉi letero mi deziras sendi, unue mian aliĝon al la omaĝo dediĉita al vi; vi plene ĝin meritas kiel lingvisto, kaj ankaŭ pro via meritoplena laboro kiel eldonisto.

Pere de vi, mi deziras al la L.K.K. plej grandan sukceson okaze de la Kongreso, kompense al ilia pena laboro dum ĝia organizado.

Al la Estraro de H.E.F. mi elkore gratulas, ĉar ĝia definitiva ĉesigo okazas en tiu dezirata, brila kaj kara Kongreso.

Al nia Prezidant-edzino, plej koran ĉirkaŭpremon kaj gratulon; ŝia sanstato permesis al ŝi akompani al "Miguel" je tiu okazo.

.......................................................................................................

Fine mi petas, ke, eĉ se nur spirite, vi konsideru min inter la esperantistoj apartenantaj al "Frateco", Grupo kies devizo estas Unueco-Frateco-Neŭtraleco.

.......................................................................................................

Ciujn mi ĉirkaŭpremas kiel dojeno de la denaskaj esperantistoj."

Je propono de S-ro Régulo, aklame oni decidis sendi dankan telegramon al F-ino Emilia Gastón, kiel omaĝon al la tuta Gastón-familio, kiu tiel sindediĉe laboras por Esperanto jam en la tria generacio.

---

Don Martín Othaïtz Galarraga, de San Sebastián, ruega hagamos saber que su primer apellido se esribe sin *r*, y no como aparece en el Directorio de la Federación.

Satisfacemos el deseo del señor Othaïtz.

---

## SOLVOJ DE LA "VORTARAJ AMUZAJOJ"

(Núm. 1)

1) Oktobro; 2) Nutraĵo; 3) Imponi; 4) Nura; 5) Emulsio; 6) Pensiono; 7) Aŭdi; 8) Gulaŝo; 9) Anatomio; 10) Stranga; 11) Prujno; 12) Emulsio; 13) Ruto; 14) Gvardio; 15) Laboristo.

*Proverbo*: "Oni ne pagas per gloro al sia tajloro".

(Núm. 2)

1) Egala; 2) Simetrio; 3) Trajto; 4) Irido; 5) Notario; 6) Trunko; 7) Adaĝo; 8) Akrediti; 9) Mikrobo; 10) Infano; 11) Kromo; 12) Ornamo; 13) Emblemo; 14) Sinapo; 15) Tramo; 16) Aktiva; 17) Silko; 18) Pilolo.

*Proverbo*: "Estinta amiko estas plej danĝera malamiko".

# RAPORTO PRI LA LABORPERIODO 1-an de JULIO 1968ª 30-an de JUNIO 1969ª, DE LA HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

Unu plian fojon ni alvenis al la momento prezenti al via konsidero, raporton pri la agado de H.E.F. dum la laborperiodo 1-a de julio 1968-a, 30-a de junio 1969-a. Kaj, unu plian fojon mi devas ripeti la frazon:

Dum ĝi, la esperantista aktiveco de la Federacio daŭrigis regule sian ĉiam konstantan agadon.

Pri la organizado kaj okazigo de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Madrid; Kongreso de T.E.J.O., en Tarragona; Oficiala Postkongreso en Zaragoza; ktp. ne estas necese ke ni parolu; siatempe, vi ĉiuj estis informitaj pere de BOLETIN, pri iliaj disvolviĝo kaj sukceso. Ni nur devas aldoni, ke, kvankam la troa laboro, ne ĉiam facila kaj agrabla, pro la malsamaj reagoj kaj sentoj de la hispanaj LKK-anoj kun la gvidantoj de la C.O. de U.E.A., la okazigo de tiuj internaciaj aranĝoj lasis en ni, kiel estraranoj de la invitinta Asocio, la kontentecon pro la plenumita devo.

H.E.F., invitis por okazigi Universalan Kongreson en Madrid, ĉar ni konis la sentojn de la hispanaj esperantistoj tiurilate, kaj ni deziris kontentigi ilin.

Preskaŭ unu jaro pasis... Dum ĝi, multajn gratulojn pro la sukceso kaj dankesprimojn, ni ricevis de enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj, kaj ankaŭ de la respondeculoj de diversaj instancoj kiujn ni devis kontakti okaze de la Kongreso. Ĉio ĉi kompensis al ni ĉiujn malagrablaĵojn.

Pri la sukceso de la Dua Provinca Esperantista Kunveno okazinta en Gerona, organizita en kunlaboro kun la tieaj esperantistoj, vi estis informitaj pere de BOLETIN. Sed, mi ankaŭ devas aldoni ke post la publikigo de la prelego de nia samideano S-ro Giordano Moya, multajn gratulojn kaj pruvojn de la reeĥo atingita eksterlande ni ricevis.

Pasintjare mi komentis ke la laboro de niaj samideanoj estis fruktodona, ĉijare kulminis la sukceso de ilia laboro per la atingo de nova strato Esperanto en Gerona. Pri tio mi jam informis en pasinta numero de BOLETIN.

Ekskurso al Perpignan: La 8-an de junio, la estraranoj de H.E.F. loĝantaj en Zaragoza translokiĝis al Perpignan akompanataj de kelkaj samideanoj de la Grupo FRATECO. Krom akompani nian Prezidanton, ĉiuj deziris elmontri sian dankon al la esperantistoj el Perpignan, kiuj pro sugesto de nia Prezidanto organizis tiel belan Renkontiĝon.

Ĉar S-ro Llech-Walter esprimis la deziron organizi estonte francaj-hispanajn Renkontiĝojn, la Sekretariino de H.E.F., kiel Prezidantino de la Turisma fako de la Federacio, invitis por okazigi francan-hispanan Renkontiĝon, venontjare, en Jaca (Pirenea montaro). Ĉiuj volonte akceptis la inviton de la Sekretariino de H.E.F.

Nun, mi informos vin pri la agado laŭ la ĉefaj fakoj:

BOLETIN. — La aperado de BOLETIN daŭras laŭ dato regule. Pro la kreskanta intereso vekita de nia revueto eksterlande kaj la peto de multaj esperantistoj, ni decidis ke BOLETIN plu aperu 24-paĝa kaj kun sama eldonkvanto kiel en tiuj lastaj jaroj.

KASO. — En la numero marto-aprilo de BOLETIN, la kasistino prezentis kontojn. Vi ĉiuj konas ilin. Bedaŭrinde la kotizoj ne sufiĉas por la ordinaraj elspezoj. Do, unu pluran fojon, mi ripetas. DANKON al ĉiuj samideanoj, kiuj responde al la alvoko de nia Prezidanto je la komenco de nia gvidlaboro kiel estraranoj de H.E.F., plialtigis siajn kotizojn.

Ĉijare, kiel anoncite, ĉiuj kiuj pagis la kotizon kontraŭpage, devis pagi minimume 100 pesetojn, sed por daŭrigi la entreprenitan laboron, tio ne sufiĉas. Ni, multe studis la aferon kaj pripensis la pasintjaran diskuton pri kotizoj. Nun, mi petas, ke, kiam ni pritraktos tiun punkton de la tagordo, vi priatentu ĝin antaŭ ol decidi.

*SEKCIOJ DE H.E.F.*

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.). — La Sekcio, kiu ĉijare estis laŭleĝe enskribita kiel Sekcio de H.E.F., en la diversaj urboj, daŭrigis sian aktivan agadon kaj regule organizis Esperanto-kursojn en diversaj kulturaj societoj kaj en sia sidejo en tiuj urboj kiel ekzemple Madrid, en kiuj ekzistas Fervojista Esperanto-Grupo.

La Sekcio estas la plej nombra el la Sekcioj de H.E.F., antaŭ la neebleco ke ĝiaj membroj partoprenu en Esperanto-kursoj pro la labor-horaroj, oni organizis kurson per korespondado, kiun

gvidas nia samideano, komitatano de I.F.E.F., S-ro Rafael Devís.

Kiel ĉiujare, delegitaro de H.E.F.A. partoprenis la I.F.E.F.-Kongreson okazintan en Avignon.

Pri la agado de tiu Sekcio, de la komenco de la jaro, regule, aperas informoj en BOLETIN.

HISPANA ESPERANTO AŬRORO. — Tiu sekcio daŭrigis siajn kutimajn aktivaĵojn ja interesajn. Granda estis la sukceso de la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj okazinta en la kadro de la 53-a Universala Kongreso kaj organizita de H.E.A., pri ĝi, vi estis informitaj siatempe pere de BOLETIN.

Dum la 53-a U.K. en Madrid, Frateco, la Esperanta Societo de Zaragoza organizis omaĝon al sia Prezidanto D-ro Sancho Izquierdo. H.E.A. kun ĉiuj partoprenantoj al la 36-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj partoprenis la omaĝan vespermanĝon. Ĉar D-ro Sancho Izquierdo ne nur estas Prezidanto de Frateco, sed ankaŭ de H.E.F., mi kore dankas al H.E.A. ĝian aliĝon al la omaĝo honore al nia kara Prezidanto.

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.). — Ĉi tiu sekcio daŭrigis sian ĉiam konstantan laboron kaj regule eldonis sian junularan bultenon.

Pri la okazigo kaj sukceso de la 24-a Kongreso de T.E.J.O. organizita de H.E.J.S., ankaŭ vi estis siatempe informitaj pere de BOLETIN. De tiam, en la bela kaj historia provinca ĉefurbo Tarragona, estas strato dediĉita al D-ro L. L. Zamenhof.

La Junulara Restadejo estas jam realaĵo, kaj nia Junulara Sekcio, post tiom da impresoj dum la pasinta jaro, denove sin dediĉis al la informada laboro organizante kulturajn aranĝojn kaj ekskursojn.

TURISMA FAKO.—Ĉi tiu nova Fako de H.E.F. estis kreita surbaze de la 2-a Rezolucio de la Universala Kongreso okazinta en Madrid. Momente, ĝi estas gvidata nur de la Prezidanto (ino) nomita de la estraro de H.E.F., kiu laboras interkonsente kun la estraro de la Federacio, kaj kiu en oportuna momento nomos Delegitojn laŭ bezone. De la laboro de tiu Fako, ni esperas pozitivajn rezultojn por la ĝenerala Esperanto-movado en nia lando.

INFORMA OFICEJO DE H.E.F. — Sub la rekta gvidado de S-ro Salvador Aragay ĝi daŭrigis sian kutiman agadon.

Ankaŭ la estraro de H.E.F. daŭrigis la informan laboron entreprenitan antaŭ kvin jaroj. Multe helpis al ni por tiu laboro la disdonado de la broŝuro "Hechos Fundamentales de la Lengua Internacional Esperanto", kaj ankaŭ la broŝuro "El idioma internacional ESPERANTO, la llave que abre las fronteras de todos los países", estis tre utila al ni.

Kiel mi diris pasintjare, la informado pri Esperanto same en Universitataj rondoj kaj lernejoj, kiel en informadaj medioj estis tre efika, kion pruvas la kreskanta intereso vekita. Laŭ leteroj ricevitaj el Cuba kaj Chile, la revuo "Cartas de España", daŭre aperigas informojn pri Esperanto kaj la Esperanto-movado en Hispanujo, indikante nian adreson pro ebla deziro peti pliajn informojn.

KURSOJ DE ESPERANTO PER KORESPONDADO. — Laŭ informoj ricevitaj, la servo, gvidata de S-ro Molera, bone funkcias.

BIBLIOTEKO KAJ ARKIVO DE H.E.F. — En ĵus pasinta numero de BOLETIN, mi informis pri ĝi; do, malmulte mi povas aldoni pri tiu servo. Sed, mi devas klarigi ke en tiu informo aperis erare la nombro da verkoj, kiujn posedas H.E.F. en sia Biblioteko, tial ke estas 215, anstataŭ 115 la ekzempleroj tiujn H.E.F. posedas.

ELDONA FAKO DE H.E.F. — En la numero marto-aprilo de BOLETIN, mi prezentis kontojn de tiu fako; per ili vi povis konstati ke, se ni povis nin dediĉi al la informado pri Esperanto tiel intense, estis dank'al tiu eldona Fako.

De kiam la sidejo de H.E.F. estis traslokita al Zaragoza kaj ni komencis nian laboron kiel estraranoj de H.E.F., nia plej kara deziro estis vigligi la Esperanto-movadon en Hispanujo kaj konduki la Federacio al ĝia plej alta loko. Kiel tion atingi? Nur estis unu vojo, per serioza informado kaj laboro. Sed, por tio ni bezonis monon.

Tiam, ni fondis tiun modestan Eldonan Fakon. Ni komencis je la jaro 1964-a eldonante folietojn por propagandi la Federacio, kaj okaze de nia Jubilea Kongreso, cindrujojn, flagetojn, ktp.; la sekvantan jaron ni eldonis la broŝuron "Hechos fundamentales de la lengua internacional Esperanto", estis la Jaro de Internacia Kunlaboro. Je la jaro 1966-a aperis la broŝuro ETER-

NECO; pasintjare, **FILOZOFIO DE FANTOMO**, kaj nun ni studas la eldonon de pli grava traduko. Krom ĉio ĉi, por propagandi Esperanton kaj samtempe subteni finance la Fakon, ni daŭre eldonas: poŝtkartojn, kovertojn, ktp.

LIBROSERVO. — Ankaŭ en la numero marto-aprilo de BOLETIN, kiel ĉiujare, ni prezentis kontojn.

Kiam je la jaro 1965-a Libroservo estis traslokita al Zaragoza, la estraro de H.E.F. kies deziro estis situigi la Federacion en plej favorajn kondiĉojn por vigligi la Esperanto-movadon kaj klopodi ke la hispanaj esperantistoj ne nur eklernu la internacian lingvon sed ke ili ellernu ĝin, decidis dediĉi la profiton de Libroservo por —en oportuna momento— krei premiojn. Sur tiu bazo ni multobligis nian laboron kaj post kvar jaroj de rekta gvidado de tiu servo kaj post ses jaroj de kiam ni komencis la gvidadon de la Federacio kiel estraranoj, ni povis prezenti fondusan kapitalon kaj peti klasifon kiel "bonfara-kleriga" por nia Fundación ESPERANTO.

FUNDACION "ESPERANTO". — La fondusa kapitalo konsistas el 50.000 pesetoj "nominales" de Deuda Perpetua Interior (Neamortizota Interna Ŝuldo). Ĝi estas malgranda kapitalo laŭ la kvanto, sed ege granda por la federacia financo. Ni povis ĝin atingi dank' al nia laboro, kaj super ĉio, dank' al la komprenemo de tiuj esperantistoj kiuj aĉetante librojn al nia Libroservo, helpas la Federacion.

La Patronaro kiu regas tiun fonduson konsistas el:

D-ro Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto.

F-ino Inés Gastón, Sekretariino.

S-ro Víctor Ortiz Gratal, S-ro Giordano Moya Escayola kaj D-ro Rafael Herrero Arroyo, Patronoj.

La kvar unuaj estis nomitaj, kiel estraranoj de H.E.F., kaj D-ro Herrero pro lia laboro favore al la Esperanto-movado en Hispanujo.

Nun, mi povas informi vin pri donaco ricevita por nia Fundación ESPERANTO:

S-ro Miguel Sender Brota, el Barcelona, kiel konfide elektita heredonto de S-ino Elisa Ferrándiz Vidal, venis al Zaragoza por transdoni al la Estraro de H.E.F. la dokumenton per kiu S-ino Elisa Ferrándiz Vidal pro memoro al sia edzo S-ro Pedro Casanovas Manent, donacas al Fundación ESPERANTO parton de bieno kies valoron oni ne ĝuste scias ankoraŭ ĉar ĝi dependas de la vendo.

Oni decidis ke estu skribita en akto la dankemo de la Federacio al geedzoj S-ro Pedro Casanovas kaj Elisa Ferrándiz de Casanovas. Tiun dankemon oni jam persone esprimis al S-ino Elisa, kiam, ŝi, per S-ro Miguel Sender Brota komunikis al la Federacia Estraro sian intencon donaci al Fundación ESPERANTO, por la kreo de unu aŭ pluraj premioj kun la nomo

*Casanovas - Ferrándiz*

Ĉar ĉi tiu raporto pri la agado de H.E.F. estas la lasta kiun mi prezentas kiel Sekretariino de la Federacio, mi intencis je la fino skize raporti pri la agado kaj atingaĵoj de la estraro —plej bone dirite, de nia Prezidanto, ĉar ni nur estis liaj fidelaj kunlaborantoj—, dum la periodo 6-a de aŭgusto 1963-a, 30-a de junio 1969-a. Sed mi, bone konas nian Prezidanton, kiu plene apartenas al tiuj aguloj, kiujn tiel bone priskribis Prof. Dalmau.

Se nun mi, honeste elnomas liajn agadon kaj atingaĵojn, mi, nepre, devos uzi laŭdajn vortojn dediĉitajn al li, kio ne estas facile antaŭ tia persono kia nia Prezidanto estas: konstanta semanto de nia celo, vera agulo de la Esperanto-movado.

Krome, ne estas necese ke mi ripetu diversajn faktojn ĉar siatempe vi estis informitaj pri ili, kaj vi povis konstati la evoluon de la sinteno rilate al Esperanto en diversaj medioj de nia lando.

Prof. Dalmau, je la jaro 1935-a, verkis artikolon titolitan "Esperanto en la Praktikon", en ĝi li diris: "Do la unua agado de ni efektivigota estas okazigi favoran atmosferon". Same opiniis nia Prezidanto. Tial nia celo, kiel mi diris je la komenco, estis enkonduki la Federacion al la plej alta loko.

Laŭ mia opinio la ĉefa atingaĵo de nia Prezidanto estas la estigo de tia atmosfero; nuntempe estas favora atmosfero kiel neniam estis, kaj estas favora atmosfero, ne nur en Superaj Instancoj aŭ difinitaj medioj, sed ĝi estas ĉie. Mi ripetos mian komenton al la artikolo de Prof. Dalmau en BOLETIN: Tion povas konstati tiuj kiuj volas serioze labori. Kaj mi aldonas:

Se ankoraŭ estas iuj homoj, kiuj pridubas tion, estas ĉar ili ne deziras rekoni la laboron faritan.

Do, por tiuj, ankaŭ ne valoras la penon ke mi daŭrigu.

Zaragoza la 30-an de junio 1969-a.

Inés GASTON
*Sekretariino*

